XVIIIa jaro. No 257 (1) ☆ Monata ☆ Januaro 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO
Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko I.2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO
Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

FONDINTO: HECTOR HODLER · GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## GRAVA JARO.

Al ĉiuj samideanoj en la tuta mondo ni deziras koran bondeziron por 1922, kiu estos tre grava jaro por nia movado. Festante la memoron pri nia Majstro antaŭ kelkaj semajnoj, la tuta esperantistaro ĉirkaŭis per kora familia sento S-inon Zamenhof kaj direktis al ŝi el proksime kaj malproksime penson de danka respekto.

Jes, la jaro estos grava, ĉar la vera batalo komenciĝas nun. Batalo paca, sed varma. Ĝis nun Esperanto estis nur (antaŭ la publiko) interesa aŭ seninteresa eksperimento. Nun venis la tempo pruvi la sukceson de tiu eksperimento mondlingva kaj utiligi ĝin por proponi oficialigon. Sed ni gardu nin de naivaj iluzioj!

El kelkaj leteroj ricevitaj ni konstatas ke bonaj esperantistoj imagas vere fantaziaĵojn. Kelkaj eĉ supozas, ke ni jam alvenis al fino de la propaganda periodo kaj ke, post unu aŭ du jaroj, Esperanto jam estos la dua lingvo por ĉiuj. Ne tiel rapide marŝas la homa progresado.

Estas tute alia afero fari vesperajn kursojn kaj organizi esperanto-grupon ol konvinki registarojn kaj poste la publikan opinion de la lando kaj la parlamentojn. Tio povos daŭri tre longe kaj ĝi ne okazos sen gravaj batoj, sinsekvo de sukcesoj kaj malsukcesoj. Moderna »demokratio« estas peza malsimpla maŝino. Ne facile estas enkonduki tiel gravan ŝanĝon kiel oficialigo de nova helplingvo.

Unuflanke necesas konvinki personojn, kiuj havas superan administran povon en siaj manoj. Poste necesas peti efektivan laboron, specialan penadon de instruistoj, devigataj komenci plian lernadon. Tiam venas la publika babilado. Iu nescianta ĵurnalisto povas ĉiumatene ridindigi la aferon al dekmiloj da legantoj. Nekompetentaj kaj timigitaj politikistoj riproĉos la kuraĝintan ministron. Granda amaso da homoj, ĝis nun neniam aŭdintaj pri Esperanto, ridos pri tia »sensencaĵo«. Kiel ilin atingi? Kiel klarigi al ili detalojn, doni al ili informojn, pruvojn, ĝustan ideon? Kiel ilin milope enŝovi en paroladan ĉambregon aŭ devigi iun gazeton presigi artikolojn, se ĝi subtenas partion kontraŭan al tiu de la kuraĝinta ministro?

Ne malesperu pro tiu nigra bildo. Ĉio venas kun la tempo. Sed ĝi postulas longan paciencon kaj ĉiutagan fidelan penadon. Pli ol iam estas necese informi la publikon, amikiĝi kun ĵurnalistoj, organizi seriozan propagandon. La Ligo de Nacioj nun faras enketon pri la instruado kaj disvasteco de Esperanto. Ĉu eĉ por tio ni estas pretaj? Dufoje ni dissendis demandan leteron al 22 naciaj societoj pri tre grava afero. Respondis unuan fojon kvin societoj, duan fojon sep. Kiel oni esperas sukcesi en tiaj kondiĉoj?

Ankaŭ mono estas necesa por efika propagando, speciale ĉe oficialaj rondoj. Nu, eĉ sian kotizaĵon multaj esperantistoj hezitas pagi. La materiaj cirkonstancoj estas ja tre malfacilaj, tion ni ĉiuj scias kaj mem spertas. Sed super ĉio ja devas stari nia homa devo. La verko de Zamenhof estas valora trezoro por la homaro. En niaj manoj ĝi estas konfidita. Ĉion eblan ni devas oferdoni por ke ĝi ne perdiĝu, sed male disfloru kaj disportu sian bonfarantan fruktaron.

Malfortaj, eĉ malmultaj ni estas en la vasta tutmonda oceano, sed nia tasko estas unu el la plej urĝaj, plej altaj. Ĝi meritas sindonon de vivoj, de havaĵoj. Samideanoj ĉiulandaj, organiziĝu forte, subtenu la aferon, pagu vian kotizaĵon, sendu al ni monhelpon por propagandaj laboroj. La Aprila konferenco pri instruado de Esperanto en lernejoj anonciĝas bone. Kelkaj registaroj jam respondis favore. Sed en la kaso kuŝas nenio. Almenaŭ tri mil svisaj frankoj estos necesaj por la elspezoj. Kiu helpos?

*Edmond Privat.*

**Insista Peto al niaj legantoj.**

**La personoj ne dezirantaj renovigi sian abonon estas insiste petataj bonvoli resendi ĉi tiun n-ron tuj al nia Administrejo. Ili ne forgesu noti sian adreson kiel sendinto.**



# FILOZOFIO



*En tiu ĉi numero ni presigas neniun tradukon, nur originalajn verkaĵojn el malsamaj tendencoj.*

## Homo kaj Eterno

*de Zanoni*

Dualismo*) kaj monismo*): jen estas la du principoj, kiuj enhavas ĉion, kion la homo ĝis nun pensis por klarigi la mondon.

Dualismo: *tie krea forto, tie ĉi kreitaro.*

Monismo: *sinmemkreado.*

Dualismaj do estas ĉiuj religioj kaj filozofiaj sistemoj, kiuj iel finkalkulas kun la *metafiziko.*

Metafiziko estas — laŭ *Schopenhauer* — la doktrino pri tio, kio sin kaŝas post la objektoj aŭ klarigas ilin.

Por uzi alegorion, en la okazo de dualismo iu maŝino provus klarigi sin mem, sian elpensinton kaj konstruinton; en la okazo de monismo la maŝino elpensus, *konstruus(!)* kaj klarigus *sin mem!*

Ambaŭ ideoj estas principe absurdaj, la lasta ankoraŭ pli multe ol la unua; ĉar el nenio nenio povas naskiĝi. Tamen la maŝino [la mondo] ja ekzistas! Sed *klarigi* ĝi povas nek sin mem nek sian kreinton kaj jam tute ne pretendi, ke ĝi konstruis sin mem. — Ĉio, kion oni nomas »Klarigo«, en la plej bona okazo estas nur la konstato, ke ĝi ekzistas kaj funkcias *laŭ plano ekstreme sagaca.*

Por ĉi tiu mia konsideraĵo estas decide grave konscii, ke ekster la konstato *pri ekzisto* de la mondo [la kielo estas afero de la naturscienco j] *eĉ ne la plej eta koncedo estas farebla.* Nek naturesploristoj, nek filozofoj, nek fondintoj de religioj estis kapablaj ion »klarigi«. La naturesploristoj registris, la filozofoj spekulaciis per hipotezoj kaj la fondintoj de religioj kredis.

Malgraŭ ĉiuj esploradoj ni scias pri la *fizikaj* aferoj *malmulton,* [eĉ naturleĝoj rigarditaj kiel certegaj, lastatempe devis esti renversataj!], — pri la *metafizikaj* aferoj — *nenion!*

La fizikaĵoj ne povas esti neataj, eĉ se oni konsentas, ke la mondo kun siaj fenomenoj ekzistas — laŭ *Schopenhauer* — nur *en nia imago.* Kompreneble tiu ĉi tezo povas sole signifi, ke ni ne havas certecon pri tio, ĉu la mondo efektive (per si mem) estas tia, kia ni ĝin perceptas helpe de la sentoj. Nia imago pri ĝi do povas esti mankhava aŭ eĉ malĝusta; sed neniu dubo estas, ke *entute io devas ekzisti, kio naskas en ni tiun imagon;* ĉar »nenio« ne estas imagebla. La iel imagata »io« estas por ni la fizikaĵoj.

La metafizikaĵoj povus esti neataj tial, ke ili estas por ni neimageblaj. Ĉi tiun vojon iris senskrupule la *monismo.* Sed la fizikaĵoj havas certe kialon *ekster* si! La monisma doktrino ne povas kontentigi, ĉar ĝi malkonsideras la kaŭzobezonon. La mondaj enigmoj restas ankoraŭ *nesolvitaj* enigmoj!

La religio provas solvi la problemon per la kredo; sed ĝi eraras provante komprenebligi home *per certaj kredoformoj* tion, kio estas home nekomprenebla. Por tiu ĉi celo *Dio estis homigota.* Sekve la »malkaŝo« (revelacio) ne sole konsistas en la kreado de l'mondo, sed precipe en tio, ke Dio persone sin konigas kiel patron de siaj idoj, la homoj, — kiu kreis la teran vivon sole kiel interakton al pli alta vivo postmorta. Ĉi tiu pensmaniero estas antropocentre — unuflanka, — (ĉu la ideo, ke la mirinde funkcianta *universo,* kiun cetere ni konas nur malplej grandaparte, estu kreita sole por la homaro, »privilegiita« speco el la loĝantoj de nia tera *globeto,* — ne estas vere absurda?) — sendepende de tio, ke malestas ĉio, kio havus aspekton de pruvo. (En tiu ĉi rilato ĉiu kredo estas difinebla kiel rezigno je pruvo!). Pruvita estas sole, ke la majstroverko de la universo ekzistas.

Resume: la monismo kaj la *dogma* dualismo ne taŭgas por klarigi la mondon. Ni do serĉu *alian formon de dualismo!* La filozofo *Kant* estus preskaŭ doninta ĝin al ni, *metante limojn al la homa kapablo ekkoni.* Sed li devus esti elparolinta absolutan »ignorabimus« koncerne la metafizikaĵojn, kaj ne lasinta malfermitan pordeton al dogma kredo. Ĉu ni eble ne povus vivi sen tia? Ĉu estas nekontentige *imagi la Diaĵon tiel alta, ke homa prudento ne povas ĝin kompreni?* Ĉu io estas pli natura ol imagi Dion dia, t. e. universala, kontraŭe al la homa pensmaniero, kiu ĉiam restas inter la limoj de la relativeco de ĉiuj mondaj fenomenoj? Cetere: kio pruvas, ke la ilo, per kiu ni ĉion mezuras — la homa cerbo — estas ĝusta kaj kompetenta en tiu ĉi rilato? Sed certe estas, ke ni povas percepti, interpreti kaj kompreni **nur** *la mondajn fenomenojn!* Jen estas la montrilo, kiu nin kondukas al la ĝusta vojo: Senpere ni ne povas kompreni Dion (Li certe ne pensas per homosimila cerbo!), tial Li parolas al ni per siaj verkoj! *La mondo de la fenomenoj estas la Esperanto inter Dio kaj homo!* Ĉi-tiun lingvon (la belan mondon) ni lernu perfekte, ĝisfunde! Ni lernu ĝin per la *koro* kaj per la *intelekto.* Ĝi estu sankta por ni. Ni ne permesu, ke oni ĝin senvalorigu al ni per iuj necertaj promesoj postmondaj. *Tia, kia ĝi estas,* Dio donis ĝin al ni dirante: »orientiĝu! *Esplorinte kaj utiliginte ĉiujn eblojn de ĉi tiu mondo vi komprenos almenaŭ — miajn intencojn!* — «

Kaj la naturaj leĝoj? Ĉu ili ne refutas la ekziston de tia pli alta estaĵo? (Mi bone sentas, ke la monistoj min estis kaptontaj pro tiu ĉi peko de ellaso; sed ili paciencigu!). Laŭ mia opinio *la naturleĝoj estas la sole ebla esprimilo de la diaĵo;* nur per ili ŝajnas ebla la universala harmonio. Ju pli profunde oni penetras en la naturon, des pli mirinda, majesta kaj bela ĝi disvolviĝas antaŭ ni. Ĉu estas necese palpi la finajn aferojn kaj demandi pri la kialo de l'kialo? Estus sencele, ĉar ni neniam scios ion pri tio. Sed ne sencele estas demandi: kion fari kun *nia vivo? Celo devas esti starigata kaj akcelata!*

Neniu, kiu pensis ĝis tie, povas preterpasi la filozofon *Nietzsche.* Li montris celon al la homaro kaj ĝi estas: »*Fariĝu ortangulaj korpe kaj anime*«. Li do predikis *perfektiĝon!* Eble li eraris koncerne la *rimedojn* por atingi ĉi tiun celon. Ni do serĉu, por ke ni trovu la *ĝustajn* rimedojn. Ĉu en tio ĉi ne estas farota ankoraŭ ĉio? Ni respektu nian Dion farante nian vivon kiel eble plej prospera, — *teran* vivon kun *teraj* celoj. Nova »bono« kaj »malbono« estas trovota kaj estos trovata. Ĉiu estas responda pri la estonteco de la tero, de la homaro. Ni ne malŝparu la tempon per preĝoj, kiuj ne povas esti aŭskultataj, *sed laboru* por niaj posteuloj same kiel niaj patroj laboris por ni. Kaj se ni devas preĝi, *nia preĝo estu danko pro tio, ke ni povas labori!*

Kun plena modesteco anima, sed per ĉiuj fortoj ni laboru konsciante, ke tia estas la Dia volo, al kiu ni ĉion ŝuldas. Same ni neniam forgesu, ke ne estas necese kaj eĉ malkonsilinde pensi pri la esenceco de la Diaĵo. Neniam ni tion komprenos kaj ĉio, kion ni povus imagi en tiu ĉi direkto, estas kondamnita al malĝusteco. Ni kontentiĝu per tio, kion Dio donis al ni kaj kion ni povas kapti: *la belan, vastan mondon!* Nia religio estu adoro plena je respektego al *ĉio,* kion Dio donacis al ni. Tiom neelĉerpeblaj ŝajnas *ĉi tiuj* fontoj, ke facile ni povas rezigni je ĉiuj senfruktaj spekulacioj pri *alia* vivo, *kies formon*

*) Oni ne intermiksu ĉi tiujn esprimojn kun »*monoteismo*« kaj »*duteismo*« (doktrinoj pri la ekzisto de unu resp. du *Dioj.*) Rim. de la verkinto.

*neniu povis, povas kaj povos imagi* ne perdiĝante en absurdaĵoj. Obeante al *ĉiuj* postuloj de la naturo, t. e. de la Dia, ordonoj, ni sentos mirindan trankvilon de la konsciencoj — plej bona pruvo, ke ni estas sur la ĝusta vojo. Same kiel post tago bone uzita ni sentas en la vespero kontentigan laciĝon, tiel ni sentos en la horo de l'morto, — supoze, ke ni plenumis nian teran devon, — agrablan bezonon de meritita ripozo. Ĉu tio estos la *vera* fino, — ĉi tion ni lasu trankvile al la Dia volo, por ni ne komprenebla.

# La volo kredi

de *Liang-ĉu-vaj*.

Al praktika filozofo kiel William James la spertita realeco de l'malbono kaj sufero en la mondo malakceptigas ĉiujn panteismojn. Nenia parolado pri la beleco de Naturo sukcesis igi lin forgesi pri ĝia abomena krueleco ĉe la bestoj. Neniu laŭdego pri absoluta Bono lin distris el la ĉiutage krianta homa doloro.

Strataj dramoj, memmortigo de senpana laboristo, sovaĝeco de militoj, ĉiaspecaj maljustaĵoj kaj sociaj mizeroj, tio estas ja faktoj bruantaj kaj batantaj ĉe la pordo de tiuj elokventaj enĉambraj metafizikistoj, kiuj trovas ĉion belegan kaj bonegan sur siaj komfortaj brakseĝoj. Tiujn olimpajn brakseĝojn vigle renversis William James per sia *pragmatismo*, kiu simple aplikas eksperimentan metodon al la plej altaj ideaj sistemoj. Oni juĝu ĉiujn filozofiojn laŭ ilia influo sur la vivo.

La rezultatoj povas esti diversaj ĉe malsamaj homoj. Tiam ĝi pravigus diferencajn sistemojn. Kial ne? La fakta diverseco en la vivo nin instigu al toleremo. Necesas, ke filozofio aŭ religio kontentigu la koron kaj saĝon de homo kaj ankaŭ lin igu frat'utila al ceteraj. Jen la juĝilo.

Kiu havas la rajton malpermesi al homoj pensi kaj kredi? Ridindaj ŝajnas al William James tiuj filozofoj, kiuj dekretas ke, ĉar ili rezignis je serĉado al vero, ĉiuj devas same halti kaj kontentiĝi per materia ĝuado kaj profitado de la nuna vivo. Ne por ĉiuj ĝi estas tiel dolĉa. Al multaj ĝi fariĝus netolerebla balasto, se ili ne donus al ĝi pli altan signifon.

En sia intima konfeso, trovita de Dro Privat inter krajonaj manuskriptoj en Varsovio, Zamenhof rakontas pri epoko de sia nekredado, kiam li estis 16 jara.[1])

„Tio estis la plej turmenta tempo de mia vivo. La tuta vivo perdis en miaj okuloj ĉiun sencon kaj valoron. Kun malestimo mi rigardis min mem kaj la aliajn homojn, vidante en mi kaj en ili nur sensencan pecon da viando, kiu kreiĝis, oni ne scias pro kio kaj oni ne scias por kio, kiu travivas en la eterneco malpli ol plej malgrandan sekundeton, baldaŭ forputros por ĉiam, kaj dum ĉiuj venontaj senfinaj milionoj kaj miliardoj da jaroj ĝi jam neniam plu reaperos. Por kio mi vivas, por kio mi laboras, por kio mi amas? Ĉar estas ja tiel sensenca, senvalora, tiel ridinda . . .“

Tamen tiu junulo estis jam laboranta por granda homama celo. Eĉ tio ne sufiĉis. La kuraĝon li retrovis postan jaron nur per nova persona kredo: „mi eksentis, ke eble morto ne estas malapero . .; ke ekzistas iaj leĝoj en la naturo . .; ke io min gardas al alta celo.“

Lin savis tiu „volo kredi“, pravigita de William James, ne nur kiel helpilo al individuoj, sed kiel efika servo al tutmondo kaj eĉ al kunfortigo de l'dia realeco. Por la usona pensulo Dio ne estas ia malvarma teoriaĵo, pendigita per dogmoj al supro de l'ĉielo, ĝi estas vivanta forto, batalanta kun ni al perfektiĝado de l'homaro kaj bezonanta nian helpon kiel ni bezonas ĝian.

Ni estas liberaj kredi aŭ ne kredi, sed malsaĝe estus devigi nin al senpensa atendado ĝis la nura intelekto decidos pri la demando, laŭ studado de l'ekstero per limigitaj sentoj . . . do ĝis kiam? En *viva sperto* troviĝas montriloj. Psikologiaj observoj konstatigis ĉiaspecajn fenomenojn pri religia influo. La grandaj mistikuloj certe spertis eksterordinarajn subitajn fortiĝojn, kiuj povas kaj devas esti ekzamenataj laŭ scienca metodo. Tion faris William James en sia »Religia Spertado«. Instruriĉa estas tia homa dokumentaro. En la nuna epoko ankaŭ treege disvastiĝas la serĉado pri psiĥaj fenomenoj. Al multaj homoj estas granda kuraĝigilo kredi al sinsekvado de vivoj, kiel perfektiĝado de grado al grado. En scienco ekzistas neniu leĝo, kiu rajtigas kondamni tiun supozon. Kial do malpermesi ĝin aŭ kondamni preĝon, se ĝi helpas homojn? Ni estu pragmatistoj kaj juĝu laŭ moralaj rezultatoj.

[1]) Vivo de Zamenhof p. 199.

# ❁ NOTOJ ❁

**Foiro de Basel.** — La Svisaj Federaciaj Fervojoj decidis fari gravan rabaton por la vizitantoj de la proksima foiro, dum Aprilo. La bileto ire kaj revene en 3a klaso kostos la prezon de ira bileto en dua. La bileto ire kaj revene en 2a klaso kostos la prezon de ira bileto en unua klaso.

**Foiro de Leipzig.** — La nombro de la ekspozantoj en Leipzig (printempe 1921: 15000, aŭtune 1921: 13000) egalas la sumon de la espozantoj de *ĉiuj* aliaj Germanaj Foiroj, el kiuj neniu atingis ĝin eĉ de malproksime, ĉar la lasta aŭtuna Foiro (1921) en Frankfurt a. M. havis nur 2862, en Königsberg 2050, en Breslau 1500 ekspozantojn. Tre granda parto de l' vizitantoj de la Leipzig-a Foiro estas eksterlandanoj, ekz. printempe 1910: 3198, aŭtune 1918: 6431, kaj poste la nombro kreskis konstante kaj atingis printempe 1921 sian ĝis nun plej altan punkton: pli ol 25000. La Foiro korespondas en Esperanto.

**Esperanto kaj la Junulaj Kristanaj Unuiĝoj (YMCA).** La Nº 4 de »La Sphere«, trilingva organo de la Tutmonda Komitato de tiu potenca unuiĝo, informas ke ĝi baldaŭ eldonos biografion de George Williams en Esperanto. Laŭ peto de la Kristana Esperanta Unuiĝo la Tutmonda Komitato decidis ke okazos esperanta kunveno okaze de la proksima universala konferenco.

* * *

**Instruistoj kaj la ĝeneva konferenco.** La Instituto J. J. Rousseau dissendis belan programon de la *Internacia Konferenco pri Instruado de Esperanto* kaj jam diverslandaj pedagogiaj gazetoj ĝin represis. La konferenco elvekas grandan intereson en instruaj rondoj. Bedaŭrinde la diferenco inter la monvalutoj tute malebligus la partoprenon de la plej dezirindaj kompetentuloj, ĉar la instruistoj de la oficialaj lernejoj, kie Esperanto estas enkondukita, ĝenerale ne disponas la rimedojn por pagi la necesan vojaĝelspezon.

La ĝenevaj esperantistoj kaj la Svisa Esperanta Societo jam klopodas por gastigi kelkajn, sed estus nepre necese ricevi eksterlandan helpon por la vojaĝo. Se iuj bonvalutlandaj samideanoj povas proponi sian helpon por venigi al Ĝenevo alilandan kompetentan spertulon, ili afable skribu al D-ro Privat, prezidanto de la Svisa Esp. Societo, 2, Chemin de Roches, Genève. La Brita Esperanta Asocio starigis apartan komitaton kaj specialan kason por helpi la vojaĝon de britaj instruistoj. Jen bonega ekzemplo. En nia Februara Numero ni presigos artikolon pri la sciencaj laboroj de la Instituto J. J. Rousseau kaj demandaron proponitan de ĝia direktoro Profesoro Pierre Bovet al la geinstruantoj de Esperanto en lernejoj.

# LITERATURO

## Al Esperantolando

**Himno**

**de Leo Belmont**

*Ĉu mondo estos allogita*
*Al Esperanto post aŭ tuj, —*
*Estas jam fakto decidita:*
*Ekzistas jam Esperantuj'!*

*La land' ekzistas mir' kreita...*
*En ĝi eterne floras Maj'!*
*Se nur milhoma, sed streĉita*
*De Alpa pint' ĝis Himalaj'.*

*Senlima land' ridigas mokon,*
*Ke loĝantaro kreskas ĵus...*
*Popol' grandiĝu! — trovos lokon*
*De nordpolus' ĝis sudpolus'!*

*Popolo nea ĉarme-stranga*
*Feliĉe loĝas en azil'...*
*Diversnacia malsamsanga,*
*Sed frato estas ĉia fil'!*

*En nia lando ver'-kristana*
*Jam enkorpiĝis paca rev'...*
*Manpremo kor'-samideana*
*En ĝi memvola estas dev'!*

*Kanona bru', armilo ia*
*En nia ne ekzistas rond'...*
*Batalas ni kun land' nenia*
*Ni portas amon al tut'-mond'.*

*Al kvin terpartoj ni profetas*
*Pri nia sankta nova sent' —*
*Nur iom tempe malpacetas*
*Pri Zamenhofa fundament'!...*

*Poeto — do Vi ne sidiĝu*
*Kun plum' rompita, sen konsil',*
*Vi tute ne maltrankviliĝu,*
*Ĉu estas mil ni, ĉu centmil'.*

*Kaj ne demandu, ĉu aliajn*
*Jam venkis nia »nova sent'«,*
*Ĉu prenis jam sufiksojn niajn*
*Diversnacia parlament'...*

*Ĉu malpacema lingvistaro*
*Elektis artan lingvon jam,*
*Ĉu flam' sur nia sanktaltaro*
*Por ĉiu estas vera flam'.*

*Ĉu jam aprobis instruistoj*
*La Esperanton por lernej'...*
*Ĉu pli konsentas kun Idistoj*
*Akademia babilej'...*

*Ĉu ni jam multajn diplomatojn*
*Akiris al la nia rond'...*
*Ĉu nin dronigi kvazaŭ katojn,*
*Nun provas forgesema ond'...*

*Ĉu mondo estos akirita*
*Por ni neniam eĉ aŭ tuj —*
*Unuo estas decidita,*
*Ke vivas jam Esperantuj'...*

*Por mia dua land' — spirita,*
*Por mia dua frat'-popol —*
*Poemo estu nun kreita,*
*Por komprenuloj — tondr'-parol'.*

*Jen malsaĝulo povas ridi,*
*Ke kantas mi sen aŭdantar'*
*Ĉu tamen povas li ekvidi*
*Estonton de modest'-altar'?!...*

*Sufiĉ-feliĉa estas sorto*
*Ludadi en amika rond'...*
*Kaj — kiu scias? — post la morto*
*Min eble aŭdos tuta mond'!...*

---

## La kondamno

de *Stevan Živanović.*

Serena estas printempa tago. La ĉielo estas tute pura sen iu nubeto ĝis kien oni povas vidi, kaj radioj de la suno faladas teron, kisante ĝin kun ĝoja tremeto. La homoj pasadas tra stratoj, ien ili rapidas. La scivolo estas sur vizaĝoj de multaj, ĉar ili ĉirkaŭrigardas per maltrankvilaj okuloj. Ĉiuj tamen iras al sia konstanta celo, sed multaj el ili rapidas tra aleo en juĝejon.

Sur galerio en juĝejo amasiĝis multaj homoj. Iuj el ili sidas kaj interparolas. Iuj ree sidas kaj silentas. Kelkaj junuloj el tiu amaso per maltrankvilaj okuloj rigardas suben en larĝa ĉambrego sur al tablo metitan krucifikson kun krucumita Kristo. Ili rigardas kiel sunlumo tremetadas kaj radioj kisas krucon starantan inter du kandeloj. Ĝin kovras radioj momente malhelaj, momente helaj. La krucifikso staras, ili rigardas ĝin kvazaŭ ili pro timo vidus en ĝi la simbolon de nova morto, kiu certe venos kaj post kiu ne venos reviviĝo tiel rapide kiel al Kristo venis...

Reviviĝo; la savo el teraj penoj, feliĉa vivo post la morto? Reviviĝo; eterna paco sur la tero kaj egaleco inter homoj? Kiu scias iliajn pensojn?

Kelkaj el amaso ŝajnas esti pli kuraĝaj kaj parolas inter si diskutante pri la estonta kondamno.

— Mi kondamnus lin per malliberejo ĝis la fino de lia vivo, diris unu el ili.

— Ne tiel, sur pendigilon, alia daŭrigis.

— Tio ne sufiĉas, lin oni devus antaŭe turmenti kaj poste lin pendigi kiel...

— Ho, mi petas vin, tia leĝo eĉ ne ekzistas, interrompis parolanton, unu junulo.

— Bedaŭrinde, respondis unua.

La disputo daŭris; la homoj parolis kiel el la loko de la plendanto, juĝistoj kaj advokatoj. Dum momento la kulpigita homo havis siajn partianojn kaj kontraulojn. La bruo fariĝis des pli granda ju pli longe daŭris la diskutado inter homoj el amaso.

Sed subite fariĝis silento.

La pordoj de la juĝejo malfermiĝis: juĝistoj, ŝtata advokato, kaj advokatoj eniris ĉambregon kaj sidiĝas ĉe la longa tablo kovrita per verda veluro. La tablo estas verda kvazaŭ ja printempa koloro taŭgus por la juĝejo.

La scivola amaso silentis, al ĉiuj kvazaŭ momente ekhaltis spiro en brustoj kaj, iliaj okuloj rigardas palan junan homon sur

benko antaŭ juĝistoj. Li sidis, krispaj haroj kovris lian kapon; la ombroj, kiuj faladas sur lian vizaĝon, faris el ĝi doloran aspekton. Ĉiuj lin rigardis.

En mia fantazio mi imagis, antaŭ ol li eniris la ĉambregon, viran vizaĝon kvazaŭ fanditan el bronzo, severan kun kiel ĉe lafo flamigitaj okuloj, kiuj flamus malbonvoleme. Sed nun mi vidas: sube sidas trankvila milda ŝafido, kies kapo estas kovrita per krispaj haroj kaj kies okuloj estas sen iu signo de malbonvolemo. El liaj okuloj fluas nur trankvila mildeco kaj melankolio...

Mi rigardis lin kiel lin rigardis aliaj homoj apud mi tre surprizeme, ĉar ni imagis lin alie. Nun tio surprizas.

Jen komencis diskuto kun tiu ĉiam egala monotonio:

N...... el M...... estas kulpigita ke li la...... de...... el embusko mortigis du el siaj konatuloj k. t. p.

La krimulo sidas pensante kun klinigita kapo kaj per siaj manoj kovras siajn okulojn. En lia koro vekiĝis homo, kiam al li oni diris faritan lian krimon, preskaŭ diablan, faritan el nepripenso. Certe tio kaŭzis grandan impreson je lia juna animo, ĉar en liaj okuloj oni vidis larmojn. Li certe bedaŭras.

Konfesante ĉion li tre laŭte ploras kaj bedaŭras sian krimon.

— — — — — — — — — — — — — — — — — — — — —

La esplorado finiĝis kaj oni lin juĝos. Ĉiuj direktis siajn okulojn al juĝistoj, sed ili foriris alian ĉambron por interkonsiliĝi kaj amaso rigardis ilin kvazaŭ oni atendas el iliaj buŝoj nur unu vorton:

Malkondamnita!

Tiuj, kiuj antaŭe disputis laŭte pri la kondamno, nun nur flustris inter si. Tiu, kiu antaŭe proponis al nekompetentuloj ke la kulpigito estu pendigita, parolis nun pri la malliberejo je kelkaj jaroj. Unu rigardo al homo kun dolora aspekto vekis en li homon, kiu ĉiujn homojn amas kaj deziras perfortan morton de neniu, por ke ne ofendiĝu en si la sento.

La krimulo sidas. Antaŭ liaj okuloj fariĝas terura bildo de la malliberejo, kiu mortigas cerbon, malsekeco kiu suĉas ostojn kaj fariĝas putrajon, la vermajo kiu estas tiel malagrabla kiel malvarmaj serpentoj. La malliberejo, en kiu la homo estas kondamnita vivi per nutrajo kiun oni al li donas kiel al besto. La malliberejo, la domo de eternaj turmentoj kaj en ĝi enkatenigita korpo per ĉenaroj, kiuj ĉe ĉiu ekmovo tintas en infektita aero sub malhela plafono kaj ĝenas la trankvilecon de eterna malheleco. Terura domo, kiu el homo faras beston, la vermajo, malheleco, la ĉenaroj, malsekeco!

Paciencon, homo suferulo, tagiĝos!

La juĝistoj revenis, nun ili eldiros kondamnon. La popolo silentas kaj atendas; trankvileco regas en juĝejo. La brilaj sunradioj de eniranta suno malheliĝas pli kaj pli. Ili tute malheliĝos...

En la nomo de lia reĝa Moŝto.... laŭ senco de paragrafo... de punleĝo, N..... el M..... pro duobla insida mortigo, estas kondamnita je morto sur pendigilo. La kondamno estos elplenumita la..... de.....

Ne plu mi aŭdis. Mi eliris el juĝejo, el tiu antaŭdomo el kiu kondukas la vojo al eŝafodo. En miaj okuloj elirante mi senĉese vidis tiujn samajn homojn ĉe verda tablo, kiuj aspektas feste ĉe krucifikso — ĉe simbolo de la savo — kaj, kiuj sur altaron de la malfeliĉa kaj elturmentita homaro apud du oferoj metis trian....

# Al homo

de Leo Belmont

*Ĵetita sur la tempan guton,*
*Obea al mistera fort',*
*Ĉi-tien venis Vi — minuton,*
*Jam morgaŭ Vin forigos mort'...*

*Jes! antaŭ Vi mallumo estas,*
*Momente daŭras Vi en lum'...*
*Post Vi mistera nokto restas,*
*Ĉirkaŭas Vin mokanta zum'...*

*Do iras Vi tra viv' — ribela,*
*Kun timdoloro en la kor'*
*Kaj pensas Vi: »ho! sort' kruela —*
*Eternan nokton iri for!...«*

*Sed Vi ne estis kaj hieraŭ,*
*El nokt' eterna venis foj...*
*Do ridu en la hor' vespera*
*Kaj forta estu sur la voj'!...*

*Do sur mallarĝa viv'ponteto*
*Inter ĉi-tiuj noktoj du*
*Vi iru kun prudent' en veto*
*Kaj ridu, aŭdu ĉiam plu!...*

*Se vivo estas nur momento,*
*Eluzu klaron de la tag',*
*Enigu ĉion per la sento,*
*Komprenu ĉion por la ag'...*

*Ne faru, ke fajrer' perdiĝu,*
*Dum restas eĉ etula flam'...*
*Kaj Via kor' ne trankviliĝu,*
*Dum povas bati ĝi por am'...*

*Ĉar oni devas plenrigardi,*
*Antaŭ ol venis nigra ond',*
*Kaj por saluto koron hardi,*
*Kiam eliros Vi el mond'.*

*Ne premu tiam Vin doloro,*
*Vizaĝon ne kurbigu tim'...*
*Terur-nenion forta koro*
*Kaj saĝa venkos ja anim'!*

*Modestan bedon Vian benos,*
*Sur ĝi laboru sen envi'...*
*Por tiuj, kiuj morgaŭ venos,*
*Postsignon luman lasu Vi!...*

# TRA LA LIBRARO

**Dr. Zamenhof's Sprachliche Gutachten.** Lingvaj respondoj in Deutscher Bearbeitung mit Ergänzungen und Erläuterungen von *Walter Lippmann.* Eldonejo: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, 1921. Esperanto-Abteilung. 70 paĝoj, 14½ × 22cm. Prezo: 10 M. ger.

Al la edzino de nia Majstro estas dediĉata tiu laboro pri liaj Lingvaj respondoj. Oni scias, ke tiuj valoraj konsiloj pri diversaj lingvaj demandoj aperis unue en »La Esperantisto«, poste en »La Revuo« kaj fine en »Oficiala Gazeto«. Ili estis poste kolektitaj en du broŝuroj eldonitaj en Parizo. Prave S^ro L. diras, ke ne estas sufiĉe diskonata tiu aldonaĵo al la Fundamento. Aliflanke, pro ilia deveno, la respondoj estas hazarde ordigitaj kaj ne havas formon taŭgan por instruo al komencantoj. Tial la aŭtoro ne vorte tradukis ilin germane, sed ilin koncizigis sub formo de reguloj, ordigis laŭ enhavo, kunigis kun aliaj Zamenhofaj diroj aŭ skriboj pri la lingvo, sekvigis per utilaj klarigoj, komparoj aŭ plenigoj. La verko, tute science laborita, plene respektas la ideojn de Zamenhof, estas pli taŭga por instruiĝo ol la antaŭaj kolektoj kaj plihavas ĉefe konsilojn eltiritajn el la »Travivajoj« de Ro-Ŝo. Unua parto donas la regulojn pri lingvaj libereco, teorio, logiko kaj reformo, kaj dua, pli ampleksa, la specialajn rekomendojn dividitajn laŭ gramatikaj ĉapitroj. Detala tabelo ebligas rapidan trovon de l'serĉata.

S^ro L. liveris al siaj samlingvanoj bonegan instruilon por funde ellerni Esperanton; lia verko estus utile tradukata en aliaj lingvoj; precipe lia alvoko al komuniko de ĉiuj kunigeblaj skribaj aŭ vortaj diroj lingvaj de Zamenhof estu respondata. Tiam li

povos samspece, eble kun konsento aŭ rekomendo de nia Akademio, verki esperante plenan traktaĵon, kiu tuj fariĝos nia dua biblio apud la fundamento. Oni povas varme rekomendi la »Gutachten« al ĉiuj germanlingvaj samideanoj; ili studos ĝin kun certa profito kaj disponos fidindan kaj praktikan referencaron en okazo de demando pri ia lingva punkto.

Eklegante la libron mi unue bedaŭris, ke ĝi ne estis esperante verkita, ĉar ĝi precipe interesas lernintojn de l'lingvo; mi nur inklinas pardoni la aŭtoron pensante, ke la nuna formo de lia verko estas necesa antaŭlaboro por la aludita, nun malpacience atendata, pli plena, nur esperanta, Zamenhofa konsilaro. *G. S.*

**La Kantistino.** Novelo. *Vilelmo Hauff.* El germana lingvo tradukis *Eugen Wüster.* Nova Esperanto-Biblioteko N° 8. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin. S. 59. 62 paĝoj, 11½ × 16 cm. Prezo: 7, 50 M. ger. (por bonvalutaj landoj: 11,25 M.

Kiu ŝatas romanecan novelon, kun mirigaj okazoj, miraklarenkontiĝoj, batalo inter senkulpa virgulino kaj nigranima atencanto, kaj deca finiĝo per fianĉiĝo; kiu deziras pasigi horon per legaĵo incitanta la scivolemon, tiu trovos la deziratan en »La kantistino« tre bone tradukita. S^ro W. ŝatas novaĵojn; li forigis ĉiujn »ĥ« (monako, kirurgo); li uzas akceptindajn vortojn kiel: »publici« (kiu ebligas publicisto k. t. p.) »miksturo« »hororo« »pa« (interjekcio), kaj aliajn certe malpli necesajn: »memuaro« (memorlibro) »ekstravagance« (malsaĝe — ege) »ekskludi« (oficiala radiko estas ekskluziva) »deprenita« (malvigla) »reminiscenco« (nekonscia memoraĵo) »sublima« (majesta, noblega) »referendario« (subkanceliero); plie: »akomodi« kaj »vortico«, kiujn oni devus rezervi por ilia scienca senco, k. t. p. Tradukantoj ĉiam pripensu ke Esperanto nepre ne povas akcepti ĉiujn riĉaĵojn de ĉiuj naturaj lingvoj. Taŭgaj kunmetitaĵoj estas: »onidire«, »enbrakigi sin« (kun iu) »kunfruntiĝi« (kulpulojn); ankaŭ rekte derivitaj verboj: »aktori«, »horori« plirapidas la stilon; fine ĉu »l'o« estas Idaĵo aŭ preseraro? Kelkaj tiaj restis en la libro, pli ol en la aliaj numeroj de l'tiel zorge eldonita kolekto. *G. S.*

**Anekdotoj pri Dante.** Antaŭparolo, elekto kaj traduko de *B. K. E. Migliorini.* Malgranda Biblioteko de »L'Esperanto« No 8. 1921. Presejo de »L'Esperanto« S. Vito al Tagliamento (Italujo) 24 paĝoj, 10½×15 cm. Prezo: 0,50 L aŭ 0,50 F. fr.

En Italujo kaj aliaj landoj, oni gloris tiun ĉi jaron la poeton Dante pro la sescenta datreveno de lia morto. Mallaŭta eĥo pri tio estas la apero de anekdotaro pri la aŭtoro de l'Dia Komedio; ĉiuj famuloj tiel estis temoj por pli malpli fidindaj diraĵoj. La jenaj estas bone tradukitaj el lingvoj itala, latina kaj germana. La teksto estas tre korekta. Tamen oni evitu uzi »devi« nur por montri estontan tempon; ni ja posedas specialan participan finaĵon por tio; ankaŭ »pagano« por idolano estas dusenca; ni ĉiuj estas »paganoj«, almenaŭ rilate al impostoj! *G. S.*

**Cours méthodique d'Esperanto. Versions** (Metoda lernolibro de Esperanto. Tradukoj.) Dua eldono. *Camille Aymonier kaj E. Grosjean-Maupin.* Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Parizo, 9^e. 1921. 136 paĝoj, 11 × 17 cm. Prezo: 2 F. fr.

Ĝi estas riĉa kolekto da ekzemplaj frazoj tradukotaj franclingve, ĉerpitaj el Zamenhofaj verkoj aŭ el aliaj bonaj libroj, kaj ordigitaj laŭ la reguloj de Plena Gramatiko de la samaj aŭtoroj. Krom kelkaj francaj klarigoj, la libro estas do tute esperanta kaj sekve povas esti utila kiel helplibro de ĉia nacia gramatiko; ĝi estos ankaŭ profite traserĉata en okazo de malfacila traduko por trovi similan ekzemplon, kiu liveros la deziratan solvon; kiel diras la sentenco citata en la antaŭparolo: Pli mallonga estas la vojo per ekzemploj ol per reguloj. Tre taŭga por meminstruo, ĝin ankaŭ uzos instruanto por provizi sin per modelaj frazoj aŭ tradukotaskoj. Kiom la libro estis jam utila kaj ŝatata, tion pruvas la elvendiĝo de l'unua eldono kaj presigo de l'dua. *G. S.*

**L'Esperanto et les Associations internationales** *au Congrès mondial de Bruxelles, 1920.* (Esperanto kaj la Internaciaj asocioj ĉe la Brusela Mondkongreso.) Publikaĵo de la »Société des Amis de l'Esperanto« N° 8. Esperantista Centra Oficejo, 51 Rue de Clichy, Parizo 9^e. 38 paĝoj, 11×18 cm. Prezo: 2 F. fr.

La decido favora al Esperanto akceptita de la Mondkongreso de Internaciaj Asocioj estas konata en la Esperantistaro. Tamen bone estis detale konigi la aranĝon de l'Kongreso kaj precipe la diskuton pri internacia lingvo; la stenografa raporto liveras ĉiujn deziratajn informojn kaj estas samtempe pro la valoraj argumentoj prezentitaj, bonega interesa propagandilo. Ĝi taŭgas ĉefe por franclingvanoj, ne nur ĉar ĝi estas france verkita, sed ankaŭ ĉar ĝi refoje montras la maleblecon elekti la francan, kiel internacian lingvon.

**Essai sur la dérivation comparée dans les langues naturelles et artificielles.** (Studo pri la komparata derivado en la naturaj kaj artefaritaj lingvoj.) *Camille Aymonier.* 1921. Publikaĵo de l'Societo de Amikoj de Esperanto No. 9. Centra Esperantista Oficejo, 51 Rue de Clichy, Parizo 9^e. 132 paĝoj, 13×19 cm. Prezo 5 F. fr.

Tiu franclingva scienca verko akiros meritatan famon en nia klerularo. Ĝia antaŭparolo klarigas, kial artefarita lingvo estas ne plu diskutebla fakto, sed fakto studinda ĉar neneigebla, kaj ankaŭ, ke la naciaj lingvoj atingis staton, kie ilia artefariteco ne plu estas tiel malproksima de l'Esperanta, aŭ, se vi preferas, ke Esperanto estas konsiderenda kiel natura preskaŭ samgrade kiel la naciaj lingvoj.

Poste, el detala ekzameno de l'derivado per sufiksoj kaj prefiksoj, oni alvenas al tiu konkludo, ke la vivo de nacia lingvo, kiel la franca, iom post iom kondukas al forlaso de multsencaj afiksoj kaj al uzo de malpli nombraj sed pli precizaj vorteroj, do ĝin ĉiam pli similigas al la regula sistemo de Esperanto. La apartaj bonaĵoj kaj reguloj de l'senpera kaj perafiksa vortformado en Esperanto, ĝia riĉeco, ĝia senlima fonto por novaj esprimoj, kaj samtempe ĝia libereco, ĝia simpleco, ĝia mirinda kunigo de l'postuloj teoriaj kun la necesecoj praktikaj, estas poste komparataj kun la rigideco de l'principoj en Ido, kun la malbonaj sekvoj de l'teorio pri renverseblеco, kun la troo de afiksoj, ilia malfacila elekto, la nenecesa pezo de multaj derivaĵoj. El tio rezultas klare, ke la teorio-bazo de Ido ne povis esti obeata, ke ĝi estas malutila, kaj malfaciligas precipe la parolan uzon de l'lingvo. Ĉiuj asertoj estas pruvataj per multaj ekzemploj. En la verko de S^ro Aymonier ni havas novan pruvon pri la Zamenhofa genio; ĝi povis kontraŭstari al potenca delogo de troa logikeco kaj kontentiĝi per reguloj, eble ne teorie perfektaj, sed almenaŭ vivigantaj. *G. S.*

**Tradukoj de Francaj Poezioj,** kun teorio de *Nova Versjarado. J. Balliman.* Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Parizo 9^e. 24 paĝoj, 13×22 cm. Prezo 2 F. fr.

En antaŭparolo, la aŭtoro klarigas la principojn de franca poezio kaj sian sistemon por plej bone traduki ĝin, konservante la originalan ritmon. La ĉefaj punktoj estas: 1^e nekalkulata estos la lasta malakcentata silabo ĉe fino de verso aŭ de duonverso; ekzemple dekdu silabaj francaj versoj fariĝos en Esperanto dekkvar silabaj:

»Cette faucille d'or à travers les étoiles«.
»La oran falĉileton en la kampo de steloj«.

2^e Ne ĉiuj antaŭlastaj silaboj estos samlaŭtaj; inter ili estos longaj kaj mallongaj; ekzemple en verso:

»Tombo sia sub kverko estas« (prefere lia) nur du silaboj estas longaj, la tria kaj la oka; 3^e por havi pli da libereco, oni rajtos anstataŭi unu akcentatan silabon per du aliaj; ekzemple estos konsiderataj kiel sammezuraj tiuj du versoj:

»Ĝi estas mia sola bruto,
Por Dio al vi mi nun ĝin donacas.«

Tiuj versfaradaj reguloj estas iom arbitraj kaj ne estas uzataj de niaj talentaj poetoj; ĉu ili estos ĝenerale akceptataj eĉ por traduko de francaj poezioj, ne estas certe. Sed merita estas la provo, kaj la 15 tradukoj el diversepokaj poetoj havas nedubindan valoron kaj partojn vere belajn; ilin studos interese niaj multnombraj versamantoj. *G. S.*

**Die Völkersprache Esperanto.** Vollständiges Lehrbuch nebst Übungs- und Leseteil. (La popolojlingvo Esperanto. Plena

lernolibro kun Ekzerc- kaj Legoparto.) *Prof. Josef Süsser.* Memeldono. Havebla ĉe libristo J. Kern, Saaz. 1922. 72 paĝoj 15×23 cm. Prezo 9 K. ĉ.

Tiu lernolibro estas uzota en lernejoj kaj estas la unua, kiu ricevis oficialan aprobon de instruada ministrejo. Ĝi celas ĉefe paroligi la lernantojn kaj la praktikado de l'lingvo estas precipe konsiderata. La libro konsistas el 14 lecionoj; ĉiu havas vortliston pri iu speciala temo, gramatikajn rimarkojn, ekzemplajn frazojn, liston da esperantaj vortoj similaj al germanaj, tradukajojn. Poste estas kolekto da oftaj parolturnoj, da specialaj kunmetitaĵoj, anekdotoj kaj rakontoj kiel legaĵaro. En mano de bona instruisto tiu praktika lernolibro servos por serioza studo de Esperanto.

**Mijnarodnja Mova Esperanto. Povnij Pidruĉnik** (Internacia lingvo Esperanto. Nova metodo.) *Lernolibro por Ukrajnoj. Orest Kuzjma.* Stanislawow-Kolomea, Presejo Bistricja. 1922. 132 paĝoj, 12×15½ cm. Prezo ne montrita.

Jen nova lernolibro por nova regno. En 12 ampleksaj lecionoj ĝi enhavas la necesan materion de lernolibro: vortlistoj, klarigoj, ekzercoj, afiksaro. Intermetitaj estas kopioj de la metodaj tabeloj eldonitaj en Germanujo; kelkaj ekzercoj temas pri nia lingvo aŭ movado; anekdotoj, poezietoj, leterfrazaro, legaĵoj variigas la lernotaĵojn, kaj traduko de Ukrajna poemo, »Katerino« de Devjatnin finigas la libron. La tuto estas bone prezentata, taŭge ordigita, tekste interesa. Cetere oni nun pli facile ol antaŭe verkas bonan metodon ĉar modelojn oni posedas. La utila laboro de Sro Kuzjma helpu al instruado de Esperanto en la vasta Ukrajna teritorio montrata per geografia karto sur la lasta paĝo de l'kovrilo.

*G. S.*

**Zamenhofa kurso de Esperanto por Ĉeĥoj.** Kolekto de la »Esperantisto« No 1. Redakcio Vieno II, Poŝtoficejo 34. Ĉefdeponejo: K. A. Ĉech, Vieno IX. D'Orsaystrato 7. 32 paĝoj, 21×30 cm. Prezo 1 K. ĉ.

Tiu kurso en ĵurnalformato kaj el ĵurnalpapero estas tre malkara eldonaĵo de la Esperanta Universitato Popola; ĝi estas presita en 20.000 ekzempleroj. Ĝi enhavas ĉeĥan antaŭparolon pri historio kaj nuna rolo de Esperanto, mallongan gramatikon, la tutan ekzercaron de Zamenhof kun vortlistoj por ĉiu paragrafo, ĉeĥan tradukon de la ekzercaro, vortaron esperantan-ĉeĥan kun ĉirkaŭ 2000 vortoj, poeziojn kaj esperantan tekston pri nia idealo. Certe tiu malkara lernilo utile plenumos sian celon.

**Gvidlibro de Girona.** Verkita de *Josep Maria Dalmau* kaj eldonita de »Ĝerona Espero«. 18 paĝoj. 12×21 cm.

Gvidlibro eldonita okaze de la IXa kongreso de Kataluna Esperantista Federacio en 1921. Priskribo pri historio, antikvaj monumentoj kaj preĝejoj, stratoj kaj placoj de interesa urbo kun multaj ilustraĵoj. Teksto bona. Kromfolioj enhavas multajn anoncojn.

**Guida Teorica e Pratica per lo studio della lingua internazionale Esperanto.** *Pirro Camelli* kaj *Pietro Rota,* insegnanti nelle Civiche Scuole di Milano. Eldonanto: Soc. An. Coop. Tig. Editr. »Azione Giovanile«, Treviglio. 272 paĝoj, 12×17 cm. prezo: 7,50 l.

La libro estas dediĉata al la administrantaro de l'urbo Milano, kiu unue en Italujo enkondukis Esperanton en siaj publikaj lernejoj. En la antaŭparolo prave diras la aŭtoroj, ke nek kvar, nek dek lecionoj sufiĉas por ellerni Esperanton, sed ke sufiĉe longa ekzerciĝado estas necesa; ankaŭ ke tia laboro pro ebleco kompari lingvon logikan kaj lingvon naturan tre helpas lernanton por pli funde koni sian propran idiomon.

La libro unue donas italan tradukon de l'dekses Zamenhofaj reguloj; poste la 24 ampleksaj lecionoj konsistas el detalaj gramatikaj klarigoj, multnombraj ekzercoj, uzoj de ĉiuj afiksoj kaj rilataj vortetoj; komparo inter rimedoj de l'lingvoj Itala kaj Esperanta estas ĉiam farata. Plue estas modeloj de leteroj aŭ leteraj frazoj. Sekvantan parton formas ĉiuj eblaj tradukoj de kelkaj multsignifaj italaj prepozicioj aŭ adverboj, tabeloj de verba konjugacio, korelativaj vortoj, afiksoj (inter ili estas envicigataj ĉiuj prepozicioj aŭ adverboj prefikse uzataj, kiel estis farata en la lecionoj), kaj legaĵoj, rakontetoj aŭ humoraĵoj. Finas la libron du vortaroj Esperanta-Itala kaj Itala-Esperanta.

Do tutplena, detala, bona, fundamenta lernolibro, tute senigata je lingvaj diskutoj, kaj tre pedagogie aranĝita kaj verkita. — *G. S.*

**Milano.** Gvidlibreto dediĉita al la turista Esperantistaro. *Ippolito Piatti,* docento de la Itala Katedro de Esperanto. Presejo Redaelli, via Galileo Galilei 39, Milano. 32 paĝoj, 12×17 *cm.* Prezo: 1 l.

Tiu konciza informaro pri urbo Milano, ĝiaj Esperantistaj asocioj, historiaj faktoj, vidindaĵoj, ekskursoj, muzeoj, konsulejoj, hoteloj, kaj tramlinioj, estos tre utila al la dediĉatoj. Ili multare uzu ĝin.

---

## ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO

### *Januara raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Laŭ nia kutimo ni publikigas en Januaro nian mallongan simplan regularon. Nenio ŝanĝiĝis, konstante kaj zorgeme ni laboras, novaj anoj aliĝis, iliajn nomojn ni citis en la aperintaj raportoj. Publikigi la tutan liston ni nun ne povas, la 90—100 nomoj postulus tro multe da loko en la gazeto. Mallonga resumo el nia regularo sin trovas en la jarlibro de U. E. A. (1921) p. 27 a. Ĝi reaperos en la nova eldono sen ŝanĝo.

### *Regularo de E. L. A.*

Motivo kaj celo.

1e Konatiĝo inter la verkistoj.

2e Reciproka helpo.

3e Evito de malhelpa konkurado, ekz. samtempa eldono de egala aŭ simila ellaboraĵo, duobla traduko de l'sama verko, k. t. p.

4e Perfektigado de nia literaturo.

Ĉiu Esperantisto povas fariĝi membro, kiu per libro, gazetartikoloj aŭ poemoj pliriĉigis nian literaturon.

Membro ankaŭ povas esti persono, kiu science, fake aŭ mone subtenas la asocion.

1e Jara kotizo: 5 Fr. pagotaj en la komenco de la kalendara jaro.

2e Korespondado por respondpago.

3e Fideleco al la Fundamento.

Raportoj aperas en »ESPERANTO« Genève. Abono de la gazeto »ESPERANTO« ne estas deviga, sed tre varme rekomendita.

La administracio estas en Dresden, Nicolaistr. 18. Prezidantino: S-ino M. Hankel. Sekretariino: F-ino J. Zschepank.

Kolegoj, kiuj antaŭ nelonge sendis sian kotizon, nun ne bezonas denove pagi, ili tion nur faru en la komenco de 1923. Ĉiuj aliaj bonvolu nun sendi la kotizon al la administracio, Dresden, Nicolaistr. 18. Ili metu en koverton 5 Fr. aŭ simile grandan sumon laŭ ĉies nacia mono. Tiu ĉi lasta metodo estas simpla kaj al ni utila. Ankaŭ respondkuponoj estas de ni tre ŝatataj, ni ilin nepre bezonas pro la resendkostoj de manuskriptoj senditaj alilanden. Kolegoj, kiuj delonge ne sendis kotizon, per tio ne eksiĝis; sendante monon, ili tuj povas denove eklabori.

Aliĝis: Funken, Leono, S-ro, Florinsmarkt 7, Koblenz, Germanujo. — Madlener, Hermann, S-ro, Gaustadt ĉe Bamberg, Germanujo. — Fethke, Edmund, S-ro, ul. Petersona 11, Bydgoszcz, Polujo.

S-ino *Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.

---

**Antaŭ- kaj Postkongresoj, Fakaj Kunvenoj dum la XIVa. Por eviti ripetojn dum 7 monatoj ni presos pri tiuj aranĝoj nur de la Aprila n-ro. Oni bonvolu sendi al ni por tiu dato precizajn informojn.**



## ESPERANTISMO



# XIV UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HELSINKI — HELSINGFORS (Finnlando)

**6—12 aŭgusto 1922**

*1ª kaj 2ª Komunikoj*

La Finnlanda esperantistaro estas konscia pri la granda honoro kaj konfido montritaj al ĝi per la decido okazigi la 14an kongreson en nia ĉefurbo. La neatendita sukceso de la Praha kongreso devigas nin prepari ion laŭ niaj cirkonstancoj grandiozan. En la venonta somero la Esperanta mondo festos ne nur sian ĉiujaran kunestadon: estos pasintaj 35 jaroj de la publika apero de nia lingvo. Ankaŭ la movado esperantista ŝajnas esti en komenco de nova epoko. Nia lingvo trovas intereson kaj subtenon ĉe gravaj organizajoj, antaŭ ĉio ĉe la Ligo de Nacioj. La laste nomita eble definitive decidos pri akcelado de instruado de Esperanto en ĉiuj lernejoj de la civilizita mondo kelkajn semajnojn post nia 14a. Nia propra organizo estas en punkto de turniĝo: ni atendas, ke la venonta kongreso starigos la universalan ligon de ĉiuj esperantistoj.

En tiuj cirkonstancoj la Loka Kongresa Komitato kaj la Finnlanda esperantistaro strebos siajn fortojn por laŭ sia kapablo antaŭzorgi pri la sukceso de la estonta kongreso. Ni scias, ke ni ne povos prezenti tiajn monumentojn de miljara civilizo, kiel la landoj mez-Eŭropaj, sed ni esperas, ke vi vidos signojn pri juna, vivopova kulturo. Se ni ne povos montri famajn kastelojn, ni havas almenaŭ la unikan naturon de la insulara lagaro. Kaj jam la alveturo per komforta ŝipo trans la ondoj de Baltika maro prezentas eksterordinaran plezuron.

La sukceso de la estonta kongreso ne dependos sole de ni. Ni bezonas la internacian publikon esperantis an. Certe, el kelkaj landoj la alveturo estas facila, kaj por ĉiuj ĝin faciligas multe la malalta kurzo de finna mono. Sed ni ankaŭ bezonas vin ĉiujn. Por ke la kongreso povu forte efiki ankaŭ sur la eksteran publikon, estas necesa ne nur multnombra partopreno, sed ankaŭ reprezento de plej multaj landoj. Tial ni turnas nin aparte al la societoj esperantistaj en tiuj landoj, el kiuj oni ne povas atendi multajn alveturontojn, kun la insista peto, ke ili jam nun pensu pri kolekto de mono en la celo esti inde reprezentataj en la kongreso. Se la esperantistoj en tiuj landoj, el kiuj estas malfacile alveturi al la kongreso, zorgos pri tio, ke ili povu pagi la vojaĝkostojn por almenaŭ unu reprezentanto, ili faros servon ne nur al sialanda movado sed al la tutmonda movado esperantista. La ĉeesto de tiaj reprezentantoj, elektotaj kompreneble el la plej konfidataj samideanoj, pligravigos ankaŭ la decidojn farotajn en la plej signifoplenaj demandoj de esperantismo.

Kompreneble ni ne atendas nur plimalpli oficialajn delegitojn. Ni esperas ke la norda naturo allogos multajn turistemajn esperantistojn, kaj ni penos agrabligi la restadon por ili, zorgante pri interesaj ekskursoj post la kongreso.

En la espero, ke la tutmonda samideanaro per sia fervoro certigos la plenan sukceson de la dekkvara mondfesto de Esperanto, ni sendas niajn unuajn komunikojn.

**LKK.** La Loka Kongresa Komitato, elektita de la Estraro de Esperanto-Asocio de Finnlando, konsistas el jenaj personoj: S-ro Albin Sandström, prez., Lektoro K. S. Ahonius, vicprez., S-ro Vilho Setälä, ĝen. sekr., S-ro G. Ĉernohvostov, sekr., kaj Sro Leo Jalava, kasisto.

**Adreso.** La oficiala poŝta adreso de la Kongreso kaj de LKK estas: XIVa Kongreso de Esperanto, Helsinki (aŭ Helsingfors), Finnlando. Ĉiuj korespondajoj, koncernantaj la kongresajn aferojn, ankaŭ monsendoj, estu adresataj nur al tiu adreso. Telegramadreso estas: Esperanto, Helsingfors.

**Aliĝo.** Samideanoj, dezirantaj aliĝi al la XIVa estas petataj uzi la aliĝilojn eldonotajn de la LKK. La aliĝiloj estos dissendataj kun la plej multaj esperantaj gazetoj. Samideanoj, kiuj tiel ne ricevos la aliĝilon petu ĝin de la LKK.

Samideanoj, kiuj jam nun aliĝas, sed pro ne antaŭviditaj kaŭzoj ne povos ĉeesti la kongreson, estas petataj fariĝi helpkongresanoj.

En la kongresan nomaron estos enskribitaj nur la personoj, kiuj aliĝis kaj pagis la kongresan kotizon.

Ĉar por la bona prosperado de la porkongresaj laboroj estas tre necese, ke la LKK jam tuj en komenco havu je sia dispono sufiĉe da mono, la samideanoj-aliĝontoj estas serioze petataj kiel eble plej baldaŭ aliĝi kaj pagi la kotizon.

**Kotizo.** La fikso de la Kongresa Kotizo estis tre malfacila al LKK. Ni konsideris, ke la sumo efektive pagota de la altvalutaj landoj povas esti pli alta ol tiu pagota de la malbonvalutaj, tamen ne tiel, ke la lastenomitaj kaŭzu puran malprofiton al la kongresa kaso. Tiel serĉinte ian mezon, ni venis al jena tabelo:

4 dolaroj, 12 guldenoj, 20 ŝilingoj, svisaj frankoj, skandinavaj kronoj, pesetoj, 25 francaj kaj belgaj frankoj, 30 liroj, 50 finnaj markoj, 60 germanaj markoj, Ostmarkoj, ĉekaj kronoj, bulg. kaj rum. leoj, 80 dinaroj kaj drakmoj, 150 hungaraj kronoj, estonaj markoj, latvaj rubloj, 300 aŭstriaj kronoj, 500 polaj markoj.

Ĉiu pagas en la mono de sia lando. Samideanoj el landoj kun aliaj monunuoj krom la suprenomitaj pagu aŭ dolarojn, ŝilingojn aŭ frankojn aŭ petu pri speciala aranĝo.

Pluaj samfamilianoj pagas nur 60% de la kotizo.

Post la 1a de Junio 1922 la kotizo altiĝos je 50%.

Aliĝoj sen kotizo ne estas enregistrataj. Pagu per bankĉekoj!

**Helpkongresanoj.** Samideanoj kiuj ne havos okazon ĉeesti la XIVan kongreson, povas tamen helpi al ĝia bona sukceso, aliĝante kiel helpkongresanoj. La helpkongresano pagas la kongresan kotizon kaj ricevos la kongresan insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

**Sciigoj al la aliĝintoj.** La LKK sendas ĉiujn komunikojn aperintajn kaj aperontajn al la aliĝintoj, kaj petas ilin en propra intereso konservi kaj plej atente trastudi ĉi tiujn. Sciigoj donitaj en unu komuniko ĝenerale ne estos ripetataj.

**Garantia Kapitalo.** Por certigi la ekonomian rezultaton de la XIVa estas fondata speciala Garantia Kapitalo, al kiu la samideanoj estas petataj noti garantiojn po almenaŭ Fmk. 300·—. La garantiitaj sumoj estos enkasigataj nur en la okazo, se la kongresaj elspezoj superos la enspezojn, kaj proporcie laŭ la ebla malprofito.

**Donacoj.** Sub ĉi tiu rubriko ni notos donacojn, faritajn al la Kongresa Kaso. Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj, kaj nur parte povos esti repagataj per la kongresa kotizo, la LKK sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon sub ĉi tiu rubriko.

**Kongresa banko.** La LKK faris interkonsenton kun »Osakepankki Ulkomaankauppaa varten — Aktiebanken för Utrikeshandel« (Akcia banko por eksterlanda komerco) kiu funkcios kiel kongresa banko kaj malfermos filion dum la kongresa tempo en la akceptejo.

La banko jam malfermis krediton de 10.000 markoj por la LKK, por ĝiaj unuaj bezonoj. La banko ankaŭ konsentis eldoni en Esperanto broŝuron pri la ekonomia vivo de Finnlando, kiu estos senpage disdonata al ĉiuj kongresanoj kaj sendata al delegitoj de UEA, vojaĝoficejoj, Esperantaj grupoj ktp.

**Depono de Mono.** Laŭ interkonsento, kiun faris LKK kun la Kongresa Banko, la samideanoj, kiuj deziras uzi la nunan tre favoran kurzon por rezervi al si finnajn markojn, povas tuj sendi monon al la kongresa kasisto (sub la oficiala adreso de LKK) kiu ŝanĝos ĝin en finnajn markojn kaj malfermos konton por la aliĝinto. Alvenante ĉitien dum la kongreso, la aliĝinto-deponinto povos libere disponi sian monon. La banko nuntempe pagas 7% renton por deponita mono.

Pro la nuna malalta kurzo de la finna marko estas precipe por samideanoj en landoj kun alta valuto tre rekomendinde uzi ĉitiun okazon havigi al si sufiĉe malkaran monon por la restado ĉitie dum la kongresa semajno.

La LKK ankaŭ jam nun volas atentigi al la estontaj kongresanoj pri tio, ke oni ĝenerale devus eviti sendon aŭ alporton de papermono, ĉar ŝanĝante papermonon oni ĉiam perdas en kurzo. Precipe en Finnlando eksterlanda papermono ne estas volonte akceptata de la bankoj. Ni konsilas al la aliĝontoj laŭeble sendi kaj kunporti monon nur per bankĉekoj aŭ per kreditleteroj. Pro la tre malalta kurzo, uzata de la poŝto, ni insiste malkonsilas sendon de mono per poŝtmandato kaj respondkuponoj.

**Blindula kaso.** Atentante al deziresprimo de la XIII kongreso en Praha la LKK akceptas pere de la aliĝiloj donacojn por la eldona kaso de blindaj esperantistoj.

**Fakaj kunsidoj.** Personoj intencantaj kunvoki specialajn fakajn kunsidojn dum la kongreso, estas petataj pri tio kiel eble plej frue informi la LKK samtempe sciigante por kiom da personoj proksimume ili bezonas ĉambron kaj dum kiom da horoj. En la sekvontaj komunikoj estos sciigata al kiuj personoj la LKK komisios la lokan organizon de la diversaj fakaj kunsidoj.

**Ekspozicio.** La LKK intencas aranĝi dum la kongresa semajno grandan publikan propagandan ekspozicion pri Esperanto.

Por ke ĉitiu ekspozicio fariĝu kiom eble plej valora, instrua kaj impona, samideanoj ĉiulandaj estas urĝe petataj donace sendi al LKK en Esperanto eldonitajn presaĵojn, prospektojn, katalogojn, gvidlibrojn, gazetojn, librojn, sigelmarkojn, poŝtkartojn kaj aliajn ekspoziciindajn esperantaĵojn.

Personoj kiuj posedas gravajn, maloftajn dokumentojn, precipe pri la unuaj tempoj de Esperanto, kiujn ili ne povas donaci, estas tamen petataj pruntedoni la dokumentojn al la LKK, kaj ricevos ilin post la kongreso.

**»Esperanta Finnlando.«** Laŭ interkonsento farita inter la LKK kaj la administracio de »Esperanta Finnlando«, la kongresanoj ricevos la nomitan gazeton je specialaj favorprezoj, se ili abonas ĝin samtempe kiam ili aliĝas al la kongreso.

**Kongresa afiŝo.** La LKK eldonos, laŭ skizo farita de la artisto Sro Eric Vasström, belan kongresan afiŝon en 3 koloroj, kiu estos dissendata por elpendigo en 9000 ekzempleroj ĉirkaŭ la tuta mondo al la delegitoj de UEA, esp. grupoj, vojaĝoficejoj ktp.

**Kongresaj poŝtkartoj.** La LKK eldonos kongresan propagandan poŝtkarton laŭ la sama bildo, kiel la afiŝo, en 3 koloroj. Ĝia prezo laŭ diversaj monunuoj estos montrita en aparta preztabelo. La samideanoj estas petataj kiel eble plej multe uzi ĉitiujn poŝtkartojn.

**Kongresaj glumarkoj.** La LKK ankaŭ eldonos glumarkojn laŭ 3 diversaj desegnaĵoj, faritaj de la artisto Sro Eric Vasström. Prezo montrita en la tabelo. Samideanoj, aĉetu! uzu!

**Eldonaĵoj.** La rabatitaj prezoj por la ĉi supraj eldonaĵoj valoras nur por la aliĝintoj. Ili trovos la preztabelon en la sendotaj komunikoj. Kompreneble tiu rabatigo ne povis okazi en sama proporcio, kiel koncerne la kotizojn, kaj ne precize en egala mezuro por ĉiuj komercaĵoj, el kiuj parto servas ĉefe kiel reklamiloj, kaj sekve povas esti vendataj kun ia malprofito, dum tiaj konsideroj ne valoras pri la aliaj. La financoj estas ĉiuokaze bazitaj sur la supozo, ke la kongresanoj el la altvalutaj landoj aĉetos la eldonaĵojn almenaŭ egale intense, kiel tiuj de la malbonvalutaj. Ni do uzas ĉi tiun okazon por insiste peti al la altvalutuloj, ke ili vigle aĉetu la proponatajn publikaĵojn, kiuj ĉiuokaze, pro la malalta valuto Finnlanda, estas tre malmultekostaj por ili.

**Ekskursoj.** Dum la kongresa semajno ekskursoj — krom en la apudajn ĉirkaŭaĵojn de la urbo — verŝajne ne okazos, pro la longaj distancoj. Sed la LKK, en kunlaboro kun la Turista Societo de Finnlando, penos aranĝi diversajn turistajn ekskursojn antaŭ kaj post la kongresa semajno, kaj petas la samideanojn-aliĝontojn sciigi, ĉu ili povos kaj dum kiom da tempo, resti en Finnlando antaŭ aŭ post la kongreso kaj kiujn specialajn dezirojn ili havas koncerne la pasigon de la tempo ĉitie. La LKK penos doni ĉiujn deziritajn informojn.

**„Vojaĝado en Finnlando.“** En komenco de la nuna monato estos reeldonata, en kunlaboro kun la Turista Societo de Finnlando la ilustrita gvidlibro „Vojaĝado en Finnlando“, kiu interese priskribas la vidindaĵojn de nia lando. La teksto estos tute nova kaj pligrandigita, kaj la ilustraĵoj multaj kaj belaj.

**Gazeta propagando.** Ĉar estas dezirinde fari propagandon pri la XIV ne nur en la Esperanta gazetaro sed ankaŭ en la ĉiunacia, la LKK petas samideanojn en ĉiuj landoj, ke ili penu fari interkonsenton kun la gazetoj de sia urbo pri publikigo de antaŭkongresaj novaĵoj kiujn la samideanoj povos fari laŭ la komunikoj, kaj de postkongresa raporto, kiun la LKK verkos kaj sendos al petintoj. Ankaŭ ilustraĵojn de la kongreso kaj la kongresurbo la LKK laŭ peto sendos, kondiĉe ke ili estos represataj en naciaj ilustritaj gazetoj.

**Loĝigo.** Pri la vivkostoj en Finnlando ni raportos detale en venonta komuniko. Ĉi tiun fojon ni kontentiĝas je la informo, ke loĝejo kaj manĝo en Helsingforsa hotelo kostas 50—100 Fmk por persono kaj tago.

**Alveturo.** Ĉar la kongreso ĉitiun fojon okazos en lando, kien ĉiuj eksterlandanoj devos veni trans la maro, la LKK speciale atentos pri bona aranĝo de la alveturo de la ŝipoj. La intertraktadoj kun la Finna Vaporŝipa Kompanio ankaŭ jam kondukis al principa interkonsento, laŭ kiu ni jam nun povas doni la jenajn informojn:

*Brita Imperio.* Ŝipo (verŝajne »Arcturus«) eliros el Hull merkredon la 2an de aŭgusto, tra Kopenhago (¹/₂), kie ĝi restos nur kelkajn horojn, kaj alvenos Helsingforson dimanĉon la 6an posttagmeze. Vojaĝprezoj, speciale rabatitaj por la kongresanoj, estos maksimume en Ia Klaso £ 14.8/—, IIa Kl. £ 11.12/— kaj en IIIa Kl. £ 6.14/— (ĉio *kun manĝo*).

*Danujo.* La ŝipo el Hull prenos la danajn samideanojn el Kopenhago vendredon la 4an de aŭgusto ptm. Alveno Helsingforson la 6an. Vojaĝprezo maksimume en Ia Klaso D. Kr. 160.—, IIa Kl. D. Kr. 120.— kaj en la IIIa Kl. D. Kr. 72.— (ĉio kun manĝo).

*Germanujo.* El Stettin (verŝajne »Ariadne«) eliros merkredon la 2an de aŭgusto alvenante Helsingforson vendredon la 4an. Vojaĝprezoj maksimume en Ia Kl. Finn. Mk. 720.— kaj en IIa Kl. Fmk. 640.— (ĉio kun manĝo).

*Svedujo.* El Stockholm ŝipoj iros 3 foje semajne. Plej konvena ŝipo por la kongresanoj eliras ĵaŭdon la 3an de aŭgusto, alveno Helsingforson vendredon la 4an. Vojaĝprezoj maksimume en Ia Klaso S. Kr. 80.—, IIa Kl. S. Kr. 64.— kaj en la IIIa Kl. (sen kajuto) S. Kr. 48.— (ĉio kun manĝo).

*Estonujo.* Pri la alveturo trans Tallinn ni informos poste.

*Aliaj linioj.* Krom tio ekzistas eblecoj ke speciala ŝipo povu veturi el Lübeck vendredon la 4an de aŭgusto Helsingforson lundon la 7an frumatene. Prezoj samaj kiel el Stettin.

Por la linio Antwerpen—Rotterdam—Helsingfors ankoraŭ ne estis eble rezervi ŝipon. La Finna Vaporŝipa Kompanio ne havas disponeblan pasaĝerŝipon kaj la ŝarĝoŝipoj, kiuj ordinare trafikas tiun linion, ne povas preni pasaĝerojn. La LKK daŭrigos siajn penadojn. Tamen estas eble, ke ĝi ne sukcesos, kaj en tiu okazo la francoj, belgoj kaj nederlandanoj, por kiuj ĉi tiu linio estis intencita, devos aliĝi al la karavanoj tra Hull, Kopenhago aŭ Stettin (kaj eventuale Lübeck). La lastaj vojoj ĉiuokaze estos la plej malkaraj.

La vojaĝprezoj ĉi tie donitaj estas specialaj rabatprezoj por la partoprenontoj de la XIV kongreso. Ili entenas liton en kajuto (krom en unu notita okazo) kaj manĝon dum la tuta vojaĝo. La prezoj estas maksimumaj, ebleco ekzistas, ke ili estos ankoraŭ iom malaltigataj.

La samideanoj, kiuj deziras uzi ĉi tiujn ŝipojn, devos pri tio informi la LKK aŭ la Karavangvidanton en la diversaj landoj plej malfrue 6 semajnojn antaŭ la ekveturo. La LKK jam interkonsentis kun s-ro P. Blaise, 125, Hambalt Road, Clapham, London S. W. 4. pri gvidado de la brita kaj kun s-ro L. Poncet, 36, rue Victor Hugo,

Lyon, pri gvidado de la franca karavano, kaj petas ĉiujn britajn kaj francajn samideanojn sin turni al ili pri ĉiuj demandoj. La LKK esperas, ke ĝi baldaŭ povos sciigi nomojn de karavangvidantoj ankaŭ en aliaj landoj kaj petas personojn interesiĝintajn fariĝi tiaj plej baldaŭ informi pri tio la LKK-on.

Koncerne la forveturon el Helsingforso post la kongreso, la LKK ankaŭ povas sciigi, ke ŝipoj al Hull kaj Stettin foriros sabaton la 12an de aŭgusto vespere, kaj al Stockholm dimanĉon la 13an matene, kiujn okazojn do povos uzi la samideanoj kies libertempo ne permesas pli longan restadon en Finnlando. La ŝipoj elveturas ĉiusemajne, la nomitajn tagojn.

*La Loka Kongresa Komitato.*

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj): XIV Kongreso de Esperanto, Helsinki, Finnlando. Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

## KRONIKO.

Ni raportas nur pri gravaj okazintaĵoj kiel oficialigoj de Esperanto, gravaj propagandaj sukcesoj aŭ vere specialaj faktoj.

### Aŭstrio.

La dua internacia kongreso de eks-militintoj en Wien (prez. Henri Barbusse) proponis ke estu uzata ĉiu okazo por organizi aŭ helpi organizi la disvastigon de Esperanto, kiu ebligos la plenan interligon de la militviktimoj kaj iamaj militintoj.

### Bulgario.

S-ro G. Aktarĝiev estas nomita de la Ministro de popola instruado, membro de la komisiono kiu preparos la novan programon por instruado en realaj lernejoj. S-ro Aktarĝiev reprezentos la fakon Esperanto en tiu komisiono. 29 oficialaj instruistoj komencis instruadi Esperanton en gimnazioj.

### Ĉeĥoslovakio.

La urba konsilantaro de Červený Kostelec enkondukis Esperanton en la Komercan Lernejon. Tiu de Kladno monne subtenas la lokan grupon. Du kursoj por blinduloj en Praha. — Oficiala instruado en burĝaj lernejoj en Vyškov, Bystřice p. H., en ŝtata industria l. en Brno, en komerca akademio de Brno k. a.

### Danzig.

La esperantistoj festis la 14an fondiĝfeston de la grupo (300 p.) kaj la 80an naskiĝtagon de ĝia fondintino S-ino Anna Tuschinski (250 p.). 5 Kursoj.

### Finnlando.

En sia plenkunsido la 2an de decembro la Finnlanda parlamento pritraktante la buĝeton alvenis al ĉapitro XIII: subteno por scienco kaj arto. En la registara propono troviĝis i. a. subvencio de 25,000 Fmk por Esperanto-Asocio de Finnlando. Krom tio estis samtempe pritraktendaj du parlamentaj proponoj, unu de parlamentanoj Soininen kaj 3 aliaj pri subteno de la Esperanta movado per 75,000 mk, kaj alia de parlamentanoj Eklund kaj Hildén pri subteno de Ido per 25,000 mk. La civilizacia komisiono, kiu unue esploris la demandon, per plimulto proponis, ke la parlamento donu 35,000 markojn, dividotajn inter esperantistoj kaj idistoj, laŭ la amplekso de ambaŭ movadoj. La financa komisiono, kiu sur la fundamento de la registara propono kaj de la diversaj komisionoj, preparas la proponon por definitiva budĝeto, estis samopinia kun la registaro, proponante la 25,000 markan subvencion sole al la Esperanta movado.

Tiel preparite la demando venis antaŭ la parlamenton la 2an de decembro; ĉi tiun fojon la esperantistoj sufiĉe frue antaŭsciis pri la okazo, kaj deko da samideanoj sidis sur la galerio aŭskultante la interesan diskuton. En la sama ĉapitro estis ĉi tiun fojon multaj aliaj temoj de disputo — la tuta diskuto daŭris preskaŭ kvar horojn — sed tamen nia afero trovis rimarkindan atenton, kiel oni povas legi el sekvanta mallongigita raporto.

*Eklund* (sveda partio) proponis, ke la subvencio al internacia lingvo estu altigata ĝis 35,000 mk kaj dividata inter Esperanto kaj Ido, ne laŭ la amplekso de la movadoj, sed duone.

*R. Furuhjelm* (sveda) eldiris per versajo (!), ke la parlamento ne estas kompetenta decidi en la disputo inter esperantistoj kaj idistoj, kaj tial li subtenas la proponon de Eklund.

*Leinonen* (soc. dem.) parolis pri la graveco de internacia lingvo por laboristoj kaj proponis, ke la subvencio al Esperanto-Asocio de Finnlando estu altigata ĝis 50,000 mk.

*Lumio* (soc. dem.) en longa parolado montris, ke subteno al du lingvoj internaciaj efektive fariĝas laborado kontraŭ internacia lingvo. Li citis multajn faktojn pri la sukcesa agado de E. A. F. dum ĉi tiu jaro kaj subtenis la proponon de la antaŭa parolinto.

*R. Erich* (nacia partio, reprezentinto de Finnlanda registaro ĉe la Ligo de Nacioj) atentigis, ke la parlamento ne povas subteni plurajn lingvojn internaciajn, sed devas fari elekton spite tio, ke la parlamentanoj ne estas specialistoj. Kaj se oni ĝenerale volas subteni internacian lingvon, oni kompreneble devas elekti tiun, kiu jam estis atentata ankaŭ ĉe la Ligo de Nacioj. Li antaŭlegis la rezolucion akceptitan en ĝia lasta ĝeneralkunsido.

*Soininen* (progresema partio; superdirektoro de la administracio por publika instruado) parolis tre varme por Esperanto. Li atentigis, ke antaŭ unu jaro oni ne sufiĉe serioze diskutis ĉi tiun demandon, kiu tamen estas treege grava aparte al la malcentraj kulturlandoj. Oni ofte pretendas, ke la malgrandaj nacioj tamen ne povas enkonduki la internacian lingvon, ĉar la grandaj nacioj, ĉefe la francoj energie kontraŭstaros. Tiurilate estas notindaj la novaj sukcesoj ĉe la Pariza komerca ĉambro kaj ĉe la franca Scienca Akademio. Kio koncernas la Idan demandon la parolanto diris, ke li povis konstati pli kaj pli grandan firmiĝon de la ĝenerala opinio favore al Esperanto. Citis la rezolucion de la Brusela Mondkongreso de Internaciaj Societoj, k. a. Subtenis la proponon de Leinonen.

En la voĉdono la propono de Leinonen estis malaprobata per 119 voĉoj kontraŭ 53 kaj la propono de Eklund aklame.

La propono de la registaro sekve estas aprobita, kaj E. A. F. ricevis por 1922 la subvencion de 25,000 mk.

— — — — — — — — — — — — — — — — —

Apenaŭ estas necese akcenti la gravecon de tiu decido. Certe la donita subvencio ne estas tre granda, kaj ankaŭ ne pli granda ol la sumo ricevita por jaro 1921.*) Sed estas gravege, ke per ĉi tiu decido la ŝtata subvencio al Esperanto estas kvazaŭ konsolidita. Kaj ankoraŭ pli grave estas noti, ke en ĉi tiu jaro neniu parlamentano proponis rifuzon de la tuta subvencio, la diskuto estis serioza, kaj tiuj voĉoj, kiuj pledis por duonigo de la sumo, ne venis de aŭtoritata flanko. La ĉefaj pledantoj por Esperanto, kontraŭe, estis plej aŭtoritataj, kiel oni povas vidi el supra raporto. Kiel skribis la Helsingforsa »Iltalehti«, ĝis nun nia plej sistema kontraŭulo, la diskuto estis granda morala venko al Esperanto.

### Francio.

La 1a Internacia Kongreso Demokrata en Paris post paroladoj de Dro Metzger-Graz kaj F-ino Meyer-Paris akceptis deziresprimon pri disvastigo de Esperanto kaj precipe pri la enkonduko de Esperanto kiel nura fremda lingvo krom la gepatra lingvo en la lernejoj de ĉiuj landoj. La urbo Rive-de-Gier decidis monhelpi ĉiujare per 100 fr. la lokan grupon. La komercaj ĉambroj de Bolbec, Limoges kaj Tulle voĉdonis deziresprimon por la instruo de esperanto en komercaj lernejoj.

### Germanio.

En Offenbach la komunuma estraro dediĉis 7000 MK, por pago de la instruistoj de Esperanto en kursoj por 300 infanoj. En Essen la urba biblioteko sin provizis je esperantaj libroj. Ekzistas nun 14 grupoj en Dresden kaj ĉirkaŭaĵoj.

### Hispanio.

La 9a kongreso de Kataluna Esperanta Federacio okazis en Girona la 15-16-17 Okt. 1921. Ĉeestis aŭstriaj infanoj gastigataj de la katalunaj samideanoj kaj S-ro Hudson el Aŭstralio. Ekspozicio, koncerto, festeno, balo kaj ekskursoj okazis. Pli ol 250 esperantistoj partoprenis. Tio estas signo de reviviĝo de nia movado en Katalunio.

*) La propono pri pliialtigo falis ĉefe pro la grandega ŝparemo, en kies signo la tuta budĝeto 1922 estas kompilita.

Samokaze okazis la disdono de la premioj al la laŭreatoj de la 8aj Internaciaj Floraj Ludoj. S-ro Artur Domenech Mas, aŭtoro de la verko: »Al Rozo« estis la gajninto de la Natura Floro kaj li elektis kiel reĝinon de la festo F-inon Teresa Bartina Marull.

**Italio.**

De la 1a de januaro Esperanto estos enkondukata oficiale en ĉiuj popolaj lernejoj (ĉ. 100 klasoj) de Bologna. Dro Teschi gvidas kurson al la instruistoj. En Rovereto Esperanto estas instruata en la liceo, en Genova komencis kurso por blinduloj.

**Jugoslavio.**

En Split dank'al S-roj Rupčić kaj Borčić fondiĝis la unua grupo sur la orienta adriatika marbordo. La grupo de Zagreb festis la 100- jaran datrevenon de F. Dostojevskij.

**Latvio.**

Oni preparas vortarojn latvan-esperantan kaj esperantan-latvan. Adreso de la grupo: Riga, pasta kaste 475. R.E.S.

**Nederlando.**

15 novaj tramistoj lernas Esperanton en 's-Gravenhage.

**Pollando.**

Pollanda kongreso okazos en Warszawa dum Pasko 1922. La grupo »Laboro« instruas cent laboristojn.

**Ruslando.**

La grupo de Nijni-Novgorod per koncertoj povis doni 400.000 rublojn por helpo al la malsatuloj.

**Svislando.**

S-ro Isella malfermis kurson en la Popola Universitato de Lugano (44 p.). Kursoj okazas ankaŭ en Bellinzona, Locarno kaj Chiasso. La komerca ĉambro de Locarno petis de ĉiuj svisaj komercaj ĉambroj ilian opinion pri Esperanto. Naŭ respondis favore, unu sola malfavore.

**Ameriko.**

Fondiĝis grupo en Topeka, Kansas. G-roj Cornish el S. Leandro, Kalifornio travojaĝas Usonon en »domo sur rulantaj radoj« kaj ĉie propagandas. La ministerio de Enlandaj Aferoj en Brazilo publikigis 17-paĝan grandformatan broŝuron kun multaj ilustraĵoj en Esperanto. Ĝi pritraktas la Nacian Ekspozicion okazontan okaze de la Ia centjarfesto de la Brazila sendependeco.

**Aŭstralio.**

La labor-partio de Nov-Zelando rekomendas en ĝia statuto la enkondukon de Esperanto en lernejoj. Estas kursoj de Esperanto en kelkaj malliberejoj de Nov-Zelando.

**Azio.**

S-ro J. Ŝeriŝev, Shiba Post Office, Post Box 9 Tokio preparas kun japanaj samideanoj vortaron japana-esperantan.

**Japanio.**

La VIIIa Kongreso de Japanaj esperantistoj okazis la 14-17 de oktobro en Tokio. Ĉeestis 100 personoj. Oni konstatis ke la Japana Esperanta Asocio havas nun 830 membrojn. Inter aliaj proponoj prezentitaj ni citu tiun pri la malpliigo de Esperantaj gazetoj en Japanio kio estus vera ŝparo.

La kongreso sendis telegramon al la Konferenco de Washington pri senarmigo.

Publika propaganda kunveno (500 p) kaj festeno (100 p) okazis. Dum ĉi tiu lasta S-ro Ŝ. Uno, zoologiisto de la Imperia Universitato esprimis sian intencon verki siajn fakajn laboraĵojn en Esperanto; S-ro W. Uiŝi direktoro de la Aerologia Observatorio raportis ke oni uzas Esperanton por ĉiuj aferoj de lia Observatorio. Okazis poste ekskurso al la marborda ĝardeno »Sankei-En« apud Yokohama.

## Eĥoj de la 15a de decembro

En la tuta mondo la esperantistoj festis la naskiĝtagon de Zamenhof. Ni jam ricevis el kelkaj lokoj raportojn pri gravaj, solenaj aŭ modestaj, intimaj festoj kiuj rememorigis al la mondo la naskiĝon de la granda idealisto en Bialystok.

Malgraŭ malvarmego cento da personoj tagmeze kunvenis en Genève, antaŭ la »Internacia Domo«, kunvenejo de la Internacia Ligo de virinoj por Paco kaj Libereco, en kiu loĝis Zamenhof. Ĝi estas ne nur posedaĵo de esperantisto, S-ro Renard, sed estas ankaŭ la kunvenejo de la grupo »Stelo«.

Sur apuda muro oni fiksis marmoran tabulon kun jena surskribo: »En tiu domo loĝis en 1905 L. L. Zamenhof, iniciatoro de la lingvo Esperanto.«

La inaŭguron ĉeestis S-roj Mussard, ŝtata konsilanto, Fulpius, administra konsilanto, Bret, kanceliero, Nitobé, ĝenerala vic-sekretario de la Ligo de Nacioj, kaj Wierzynski, konsulo de Pollando.

D-ro Edm. Privat unue parolis kaj klarigis la kialon de la inaŭguro. Li dankis la ĝenevajn aŭtoritatojn pro ilia ĉeesto kaj S-ron Roy el Gaillac, kies malavara donaco permesis la alfikson de la marmoraĵo.

S-ro R. Horner parolis je la nomo de la internacia komitato de la Ruĝa Kruco, kies celo estas sama kiel tiu de la esperantistoj: »Ami kaj servi la tutan homaron«.

S-ro Fujisaŭa parolis je la nomo de la orientaj popoloj kiuj ŝuldas multon al la elpenso de Zamenhof.

Sekvis S-ro E. Hediger, kiu esprimis la dankon de la Ligo por la Defendo de la Popolrajtoj, al Zamenhof por lia mirinda ilo kiu estas nun la dua oficiala lingvo de la Ligo. Li aludis pri la homaraj artikoloj de H. Hodler kiuj aperis dum la plej teruraj momentoj de la homa buĉado kaj pri la unua kuraĝa voĉo de D-ro Privat por la subpremitaj popoloj.

Fine F-ino Catherine Marshall, vic-prezidantino de la I. L. V. por Paco kaj Libereco rimarkigis kiel taŭgas la marmoraĵo dediĉata al la memoro de unu el la plej grandaj mondcivitanoj, sur la domo kie regas spirito de unueco kaj frateco homa.

Vespere ĉirkaŭ 180 esperantistoj kunvenis en salonego kie okazis paroladoj, muzikaĵoj kaj sukcesa tombolo.

En Dresden la grupo UEA aranĝis sukcesan vesperfeston. Okazis deklamoj, kantoj kaj paroladoj.

La budapestaj samideanoj ankaŭ grandare kunvenis kaj organizis Zamenhof-vesperon en la Socia Muzeo.

La laborista grupo de Genova kaj multaj aliaj grupoj organizis ankaŭ sukcesplenajn kunvenojn.

## LINGVA KOMITATO.

*La Akademio presigis raportojn de siaj du fakestroj por komuna kaj teknika vortaro. Ili enhavas rezultatojn de interkonsiliĝa enketo post korespondado kun L. K-anoj. Iliajn konkludojn ni publikigas esperante, ke ĉiuj kompetentuloj profitos tiun informon por eklabori kaj interrilati senprokraste.*

### Komuna vortaro

Ĉiuj L. K-anoj same konkludas: Ni nepre bezonas regulojn kaj gvidilojn; la propra kaj deva rolo de la Lingvaj Institucioj estas faciligi, reguligi kaj internaciigi, tio estas unuformigi la evoluadon de la lingvo. Vera libereco ne estas senbrida, senpripensa kaj senkontrola kaprico, sed estas konscia, prudenta, laŭregula, metoda elekto. La Esperantistaro bezonas konstantan kaj efikan helpon por la laŭnorma pliriĉigo de la lingvo kaj precizajn konsilojn por la malfacila elekto de la novaj radikoj kaj formoj. Nur

la Lingvaj Institucioj, en la nuna stato de nia afero, povas plenumi tiun taskon, nur ili povas sciigi la Esperantistojn kaj precipe la verkantojn pri la internacieco aŭ neinternacieco de la radikoj, nur ili povas admoni kaj konsili pri la taŭgeco aŭ netaŭgeco, utileco aŭ neutileco de la proponeblajoj. Estas pli saĝe antaŭforigi la malsanon ol nesingarde atendi ĝin kaj nur klopodi por kuraci ĝin, kiam ĝi ekzistas, enradikiĝis kaj graviĝis. Estas pli facile kaj pli certe detrui en la nesto la ovojn de malutila birdo ol tro malfrue vane persekuti la fortiĝintajn forflugantajn birdidojn, t. e. la jam presitajn malbonaĵojn.

„Mi tre bedaŭras, diras sprite iu Komitatano, ke la L. K. kaj Akademio fermas la pordon nur post kiam la ŝtelisto jam ŝtelis la ĉevalon el la ĉevalejo.“ „Oni troigas, skribas germana respondanto, la regulon, ke la Akademio kaj la L. K. ne rajtas fari proprajn proponojn. Kial do ne admoni la Esperantistaron kontraŭ la malbonaj formoj?“ „Ni mankas je direktantaj principoj kaj reguloj en la elektado de novaj radikoj,“ diras franca Komitatano kaj alia samnaciulo aldonas: „La Direktanta Organo de la Lingvo Internacia devus proponi al la L. K-anoj kaj al la aŭtoroj la radikojn, kiujn ĝi opinias la plej konsilindaj por plenigi la mankojn de nia vortaro.“

Mi petas la permeson rememorigi, ke la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro, antaŭe konsentante kun tiuj ĉi admonoj kaj postuloj, jam oficiale konsilis kelkajn principojn por unuformigo de la metodo sekvota en la elekto de novaj vortoj (Vidu Ofic. Gaz., 25 Majo 1921: Oficialaj Komunikoj), kaj ĝi intencas proponi al la Akademio publikigi, laŭ la deziro de la L. K., liston de preferindaj aŭ rekomendindaj radikoj. Oni povas esperi, ke tiuj ĉi rekomenditaj formoj kaj radikoj, eĉ se ili ne estas ĝis nun uzitaj, baldaŭ eniĝos en la uzadon tiamaniere, ke la L. K. rajtos pli poste oficialigi ilin kaj enmeti en la propran esperant-lingvan vortaron.

Fine la Komunvortara Sekcio intencas peti de la Akademio, ke ĝi denove proponu al pli detala ekzameno kaj pli funda esploro de la L. K. kelkajn radikojn, kies signifo ne estas sufiĉe precize kaj plenakorde fiksita, kvankam ili estas oficiale akceptitaj. Mi citas ekzemple la radikojn *Administraci'*, *Akcesor'*, *Binokl'*, *Blok'*, *Emfaz'*, *Flagr'*, *Konfekci'*, *Ŝose'*, *Verv'*, k. t. p.

Certe multa laboro restas farota kaj la tasko de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro estas malfacila kaj multpena, sed tiu ĉi tasko estos multe faciligata kaj helpata per la evidenta bonvolo, per la kuraĝiga aprobo kaj per la ĉiukonsenta apogo de la L. K. Tia konsento kaj aprobo estigos sen ia dubo tre favorajn rezultatojn por la sukceso kaj prospereco de nia afero.

Ni nun parolu pri la jam farita, kaj pri la jam komencita laboro:

1e Per sia unua cirkulero la Akademio demandis al la L. K. ĝian opinion pri la litero Ĥ kaj pri la duontelinika sufikso *Oid* aŭ *Ojd*. Pri ambaŭ demandoj, precipe pri la unua, mi ricevis tre interesajn rimarkojn, kiujn mi bedaŭras, ke mi ne povas citi tie ĉi. La plimulto de la respondintoj preferas la formon *Oid* kaj aprobas la laŭvolan anstataŭigon de la litero Ĥ per la litero K en la okazoj, kiam ĝi senpere sekvas post la litero R.

2e Al la alvoko de la Komunvortara Direktoro proponanta internacian esploradon pri Proverboj, Komparoj k. t. p. sufiĉe multaj kompetentaj kaj penemaj Esperantistoj jam favore respondis. Kelkaj fruktodonaj ideoj estas prezentitaj, la plano de la laboro kaj la metodo por la esploro preciziĝis, kaj oni povas esperi, ke diversaj naciaj subkomisionoj, direktataj de kompetentuloj, eĉ de eminentuloj, estos baldaŭ definitive organizataj kaj komencos la proponitan esploron. Nederlanda Komitatano jam sendis tre gravan kaj admirindan preparan laboron pri la Holandaj proverboj. Al ĉiuj miaj sindonaj kunlaborantoj mi sendas mian koran dankon.

3e Fine mi povas sciigi, ke la tuta proponita prepara listo por la 3a Aldono estas akceptita de granda plimulto de la L. K-anoj.

Tamen multaj el niaj kolegoj, eĉ akceptante la tutan liston, aldonas tre atentindajn rimarkojn kaj ĝustajn kritikojn koncerne la vortojn kun la pseŭdosufiksoj *Acio, Icio, Ucio,* kaj la verban finiĝon *ii.* Pro klare montritaj motivoj ili principe firme malaprobas la radikojn *Apelaci'*, *Arbitraci'*, *Civilizaci'*, *Deklaraci'*, *Erudici'*, *Evoluci'*, *Kontribuci'*, *Konversaci'*, *Navigaci'*, *Revelaci'*, *Revizi'*, *Rezignaci'*, *Spekulaci'*, *Sugesti'*, k. t. p., preferante la pli simplajn formojn *Apel'* aŭ *Apelac'*, *Arbitrac'*, *Civiliz'*, *Deklar'*, *Erudit'*, *Evolu'* *Kontribu'*, *Konvers'*, *Navig'*, *Revel'*, *Reviz'*, *Resignac'*, *Spekul'*, *Suĝest'*, k. t. p.

Esceptante nur kelkajn apartajn radikojn aŭ formojn, kiuj eble estas konservindaj pro diversaj motivoj montritaj en la noto de la 30a de Junio, komunikita de la Prezidanto al ĉiuj L. K-anoj, la Direktanto de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro plene samopinias, kiel la supreditaj L. K-anoj kaj li esperas, ke liaj altestimataj Kolegoj aprobos la jenajn konsiderojn kaj la rimedon, kiun li proponas por kontentigi kaj konsentigi ĉiujn.

Ni ne lasu nin trompi per la vorto »oficiala«. Ĝi ne signifas, ke ĉiu oficiala vorto estas propre esperantlingva kaj povas esti ĉiaokaze uzata. Oni ne devas forgesi, ke nia »*Oficiala*« vortaro efektive konsistas el du malsamaj partoj:

1º La *propraj* Esperantlingvaj radikoj;

2º Multaj ĝenerale (aŭ, pli ĝuste, eŭropane) internaciaj radikoj, kiuj, ne apartenante propre al nia lingvo, restas *fremdaj* vortoj kaj, laŭ la 15a Fundamenta regulo, nur »povas esti uzataj« de la Esperantistoj. Preskaŭ ĉiuj radikoj kun pseŭdosufiksoj estas *fremdaj* internaciaj vortoj, kiuj, eĉ oficialigitaj, tamen ne estas asimilitaj kaj alpropriĝitaj al la Esperantlingva vorttrezoro. »Oni devas diferencigi, skribas tre prave iu Germana Komitatano, inter vortoj plenrajte *enkondukindaj* kaj vortoj *tolerindaj*.«

Angla Akademiano rimarkigas, ke ĝenerale la *Internaciaj* vortoj estas internaciaj pli *laŭ formo ol laŭ signifo.* Tiu ĉi tre simpla sed tre grava rimarko pravigas la oficialigon de la internaciaj vortoj, kiun kelkaj rigardas kiel danĝeran aŭ almenaŭ senutilan: la oficialigo de tiaj vortoj servas por fiksi kaj internaciigi ilian *signifon.*

Jam en la 2a Oficiala Aldono Prof. Cart kaj iliaj tiamaj kunlaborantoj tre prave dividis la oficiale aprobitajn radikojn en du listojn proksimume korespondantajn al la supremontritaj. La radikoj de la 1a Oficiala Aldono estos sammaniere dupartigataj en la baldaŭ publikigota Akademia Plena Radikaro anoncita en mia 1a cirkulero, kaj estas tre dezirinde, ke tia dupartigo estu poste klare montrata en ĉiuj estontaj vortaroj.

Multaj L. K-anoj postulas, ke oni senbalastigu kaj kribru nian vortaron. Ni ĝuste povos profiti la okazon por kontentigi tiun tute pravan peton, ĉar la suprealudita dupartigo estas la plej bona kaj taŭga rimedo por efektivigi la deziratan kaj dezirindan senbalastigon.

*Prof. E. Grosjean-Maupin,*
Direktoro de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro.

## Teknika Vortaro

Pri labora plano ne multaj estis la esprimitaj opinioj; unu proponis: „ni komence faru. kion ni ĉefe *bezonas*“, aliaj opinias: „tion ni faru, kion ni nur *povas*“.

Teorie tre alloga estas la unua propono. Teknikaj kompetentuloj — ne devige Esperantistoj — starigus nacilingve tabelojn de la plej necesaj vortoj pri »la domo«, »la kampo«, »elementa tekniko«, »internaciaj rilatoj«. Poste, esperantaj lingvistoj — ne devige teknikistoj — farus la Esperantan tradukon. Bedaŭrinde, praktika sperto montris, ke en samaj kapoj devas troviĝi samtempe teknika kaj Esperanta kompetenteco. Sen tia kunesto, oni tre ofte nur venus al ne taŭgaj tradukoj.

La dua propono respondas tiun ĉi necesecon. Nur tiujn teknikajn vortarojn ni nun ellaboru, pri kies teknika materialo ni havas kompetentajn samideanojn. Feliĉe montriĝas el la malsupra nomaro, ke en ĉiuj plej necesaj fakoj ni havas la bezonatajn specialistojn. Tiel samtempe povas kontentiĝi ambaŭ postuloj: ĝuste tion ni *povas* fari, kion ni plej *bezonas.*

* * *

Ankaŭ pri labormaniero de la kunlaborantoj prezentiĝas du malsamaj vojoj; unue, tradukado de naciaj teknikaj vortaroj; due, tradukado aŭ verkado de elementaj lernolibroj en ĉiu fako.

Kelkajn gravajn vortarojn oni citis, nome:

1° Seslingvan *vortaron pri inĝenierarto*, eldonitan de Constable and C°, 10-12, Orange Str., Leicester Sq., London, W. C. 2.

2°-Kvarlingvan »*Technologisches Wörterbuch*«, von Offinger Stuttgart, J. B. Metzlersche Buchhandlung.

3° »*Illustrierte Technische Wörterbücher*«, Schlomann-Oldenbourg, — München und Berlin, Druck und Verlag von R. Oldenbourg.

La laste nomitaj »Wörterbücher« konsistas el diversaj volumoj; unu estas dediĉita al ĉiu aparta fako. Da tiaj volumoj ekzistis en 1909 jam dek, kaj ili de tiu tempo plimultiĝis.

Ĉu ni traduku, unu post alia, de la komenco ĝis la fino, ĉiujn vortojn de tiuj ĉi grandaj vortaroj?

Praktikemulo prave atentigis, ke la vortarojn ni volas havi sur nia skribotablo, ne en niĉo-arko. Ni do devas elekti, kiel unue tradukotajn, tiujn el la teknikaj vortoj, kiuj estas plej urĝe bezonaj. La ceteraj venos poste.

Por tio mirinde taŭgas la dua proponita metodo. Ni traduku aŭ, pli bone, ni speciale verku en ĉiu fako elementajn kaj poste pli detalajn lernolibrojn. Ni ĉerpu pri tio la tradukan materialon el la naciaj teknikaj vortaroj kaj el la jam eldonitaj provaj vortaroj, kiuj estis jam eldonitaj en Esperanto.

Tiuj lernolibroj ne bezonos esti verkitaj laŭ pedagogia vidpunkto, sed ĉefe kun la celo elekti la plej necesajn radikojn kaj praktike *provi* ilian uzeblecon. Ili eĉ ne nepre bezonas esti plene verkitaj kaj skribitaj, ĉar sendube la plimulto el ili neniam povos esti presita. Sufiĉos, se la celo de elektado kaj praktika provado estos atingita. La vortoj poste aperos en formo de alfabetaj tabeloj, kun esperante redaktitaj klarigoj kaj eventuale komprenigaj ilustraĵoj.

Por la eldonado de la vortaroj, la sama praktikulo, kiun mi jam citis, atentigas, ke mono estas necesa kaj ke financan planon oni devas jam nun starigi. „Mi spertis, li diras, ke entute la Esperantistoj estas oferemaj, kondiĉe ke ili vidas klaran celon, scias, kiu estas responda kaj regule ricevas informojn pri la spezoj..... Dudek mil frankoj estos troveblaj, ne timu, kaj per ili vi povos bone komenci.“

Kiom prava estas nia samideano, ne bezone estas iel insisti, sed ŝajnas, ke ne al la *lingvaj* institucioj apartenas la esploro de tiu ĉi *financa* flanko de la demando, kvankam ĝi evidente estas nepre konsiderinda por atingo de praktikaj rezultatoj.

D-ro *Pierre Corret*,
Direktoro de la Akademia Sekcio por la Teĥnika kaj Scienca Vortaro.

## Adresaro de la Fakanoj.

BALLIMAN (S-ro Jean), 5, rue de Provence, Paris (Francujo).
BLUTH (D-ro Friedr.), Bad Neuenahr, Rejnlando (Germanujo).
BRETTMANN (S-ro), Stralsund, (Germanujo).
BROWN (S-ro G. Arthur), Rua Assembléa, 76, São Paulo (Brazilujo).
BUTLER (S-ro Montagu C.), 17, Hart Street, London, W. C. 1 (Anglujo).
CAMESCASSE (S-ro J.), 39, rue de Douai, Paris-9e (Francujo).
ČERNOHVOSTOV (S-ro A.), Alberga (Finnlando).
DEULOFEU (S-ro Venancio), Rivadavia, 5758, Buenos-Aires (Argentino).
DITTRICH (D-ro E.), Wettinerstrasse 33,3, Riesa apud Elbe (Germanujo).
DOHLER (D-ro W.), ĉe Dittrich (D-ro E.).
FIŜER (D-ro Andreo), 25, rue Griboïedov, Tiflis, Géorgie (Kaŭkazo), via Batoum.
FLOURENS (S-ino Jeanne), 111, avenue G.-Clémenceau, Béziers, Hérault (Francujo).
FRIDRICH (S-ro Rudolf), Profesoro ĉe gimnazio, Brno, Králové Pole, Moravio (Ĉeĥoslovakujo).
FROST (S-ro Norman W.), 993, Watertown St., W. Newton, 65, Mass (Usono).
HAKANSSON (S-ro Eskil), Ursvik, Ulriksdal (Svedujo).
HEINZE (S-ro Willy), Bennostr., 29, Oberlössnitz, Bez. Dresden (Germanujo).
HENDEL (S-ro K.), ĉe Dittrich (D-ro E.).
HÖRNIG (S-ino F.), ce Dittrich (D-ro E.).
ISBRÜCKER (S-ro Ir. J. R. G.), v. Beverningkstraat, 10, s'-Gravenhage (Holando).
JENTSCH (D-ro A.), ĉe Dittrich (D-ro E.).
KALITZKE (S-ro W.), ul. Poplinskich, 2, Pozhan (Polujo).
KANERVO (S-ro L. M.), Tikkurila, Agrikultura Eksperimenta Instituto (Finnlando).
KARL (S-ro), receveur des Finances, Ussel, Corrèze (Francujo).
KAUFFMANN (S-ro Kurt), Hauptstrasse, 129, Heidelberg (Germanujo).
KAYSER (S-ro G.), ce Dittrich (D-ro E.).
KOCH (S-ro Anatolo), Warszawa (Polujo), »Poste Restante«.
LA COLLA (S-ro Stefano), via F. Cavallotti, 1, Palermo (Italujo).
LECHMERE-OERTEL (S-ro F. O.), Gloucester-House, Broad Lane, Hampton (Anglujo).
LEFÈVRE (S-ro E.), Châlet Saint-Louis, impasse Saint-Louis, Cannes, Alpes-Maritimes (Francujo).
LÖTZSCH (S-ro T.), villa Alphyddan, III v., Askim (Svedujo).
MARLY (S-ro P.), 11, rue Ad.-Bayssellance, Bordeaux, Gironde (Francujo).
MAZZOLINI (S-ro A.), viale Regina Vittoria, n-o 22, p. III, Firenze (Italujo).
MC CONKEY (S-ro M. C.), 2935, Nebraska St., Sioux City, Iowa (Usono).
MESNY (S-ro René), 12, rue du Chemin-de-Fer, Saint-Denis, Seine (Francujo).
MEYER (S-ro Georg J.), Augsburg, Spitalgasse, A, 211 (Bavarujo).
NEMEC (S-ro Václav), Prokuristo de Živnostenská banka, Karlovy Vary (Ĉeĥoslovakujo).
PADFIELD (S-ro W. W.), 2, Ceder Villas, Bath (Anglujo).
PIZZI (S-ro Francesco), R. Biblioteca Naz. di San Marco, Venezia (Italujo).
PRIVAT (S-ro Edm.), 2, chemin de Roches, Genève (Svisujo).
RAVEN-HART (S-ro Majoro R.), Union Club, Necochea y Perú, Mendoza (Argentino).
ROLLET DE L'ISLE, 35, rue du Sommerard, Paris-5e (Francujo).
RUMPEL (D-ro Paul), Berlin-Wilmersdorf, Motz-Strasse, 52 (Germanujo).
SCHNEIDER (S-ro Francisko), 17, Havlíčkova ul., Praha-Karlín (Ĉeĥoslovakujo).
ŜEFER (F-ino Ad.), 8, Gloucester Crescent, Regent Park, London, N. W. 1 (Anglujo).
SETÄLÄ (S-ro Vilho), Alberga (Finnlando).
SIEGEL (D-ro), Unterlauter-Coburg (Germanujo).
STOJAN (S-ro Petro), gimnazia prof., Novi Pazar (Jugoslavujo).
TIARD (S-ro Ch.), 24, rue des Bons-Enfants, Paris-1er (Francujo).
VANVERTS (D-ro P.), 236, rue Solférino, Lille, Nord (Francujo).
VILLA (S-ro J. M. de), Apartado, 1357, Habana (Cuba).
WOHLSTADT (D-ro R.), Hamburg, 5, Lubecker Thor 22 (Germanujo).
WÜSTER (S-ro Eugen), Berlin-Charlottenburg, Berlinerstr., 23 (Germanujo).
ZAMENHOF (D-ro Léon), Marszałkowska, 125, Varsovio (Polujo).

## Kunlaborantoj al Teknika Vortaro.

### Ĝeneralaĵoj.

*Bibliografio:* S-ro Francesco Pizzi.

### Filozofio.

D-ro E. Dittrich; S-ro Georg J. Meyer; D-ro Paul Rumpel.

### Religio.

*Teologio:* S-ro Georg J. Meyer; D-ro Siegel.

### Sociaj Sciencoj kaj juro.

*Sociologio:* S-ro Kurt Kauffmann.
*Politika Scienco:* D-ro Edm. Privat.
*Ekonomio Publika:* S-ro Norman W. Frost; S-ro Kurt Kauffmann; S-ro Václav Němec (Banko); D-ro Paul Rumpel.
*Juro:* S-ro Mc Conkey (juro internacia); Dro Paul Rumpel.
*Publikaj financoj:* S-ro Karl.
*Pedagogio:* S-ino F. Hörnig.

### Filologio.

*Filologio ĝenerala kaj diverslingva:* S-ro Černohvostov; D-ro E. Dittrich; S-ro Rudolf Fridrich (*gramatiko*); S-ro G. Kayser; S-ro Georg J. Meyer; Dro Edm. Privat; So Vilho Setälä; Dro Siegel.

### Natursciencoj.

*Ĝenerale:* S-ro Eugen Wüster.
*Matematiko:* S-ro Venancio Deulofeu; S-ro K. Hendel; S-ro Ir. J. R. G. Isbrücker; S-ro A. Mazzolini (*geometrio*); S-ro René Mesny; S-ro W. W. Padfield; S-ro Vilho Setälä; S-ro Petro Stojan; S-ro Eugen Wüster.
*Astronomio;* S-ro Petro Stojan.
*Fiziko:* S-ro J. R. G. Isbrücker; S-ro L. M. Kanervo; S-ro E. Lefèvre; S-ro René Mesny; S-ro Vilho Setälä; S-ro Petro Stojan.
*Ĥemio:* S-ro Venancio Deulofeu; D-ro W. Döhler; D-ro A. Jentsch; S-ro L. M. Kanervo; S-ro E. Lefèvre; S-ro Vilho Setälä.
*Biologio:* D-ro W. Döhler; D-ro A. Jentsch; S-ro M. C. McConkey.
*Botaniko:* D-ro A. Jentsch; S-ro Vilho Setälä.
*Zoologio:* D-ro W. Döhler; S-ro Vilho Setälä; S-ro Petro Stojan (*ornitologio*).
*Geologio:* S-ro Petro Stojan (*mineralogio*); D-ro Wohlstadt.
*Meteorologio:* S-ro Petro Stojan.

### Sciencoj aplikitaj.

*Medicino:* D-ro Bluth; D-ro Andreo Fiŝer; D-ro P. Vanverts; D-ro Leon Zamenhof (*anatomio*).
*Inĝenierarto:* S-ro Brettman; S-ro Arthur Brown; S-ro Rudolf Fridrich; S-ro F. O. Lechmere-Oertel; S-ro E. Lefèvre; S-ro W. W. Padfield; S-ro Francisko Schneider; S-ro Ch. Tiard.
*Elektrotekniko:* S-ro Eskil Hakansson; S-ro Willy Heinze; S-ro Ir. J. R. G. Isbrükker; S-ro René Mesny (*telegrafio senfadena*); S-ro Majoro R. Raven-Hart (*telegrafio, inkluzive senfadena*).
*Maristaĵoj:* S-ro René Mesny.
*Agronomio:* S-ro L. M. Kanervo; S-ro P. Marly; D-ro Siegel (*abeloj*).
*Fervojoj:* S-ro Brettmann; S-ro Rudolf Fridrich; S-ro Majoro R. Raven-Hart; S-ro Francisko Schneider.
*Kontado kaj Komerco:* S-ro Jean Balliman; S-ro J. Camescasse; S-ro A. Černohvostov; S-ro Karl; S-ro Kurt Kauffmann; S-ro Václav Němec; S-ro Paul Rumpel; S-ro J. M. de Villa.
*Vitraĵoj:* S-ro Jean Balliman; S-ro P. Marly.
*Ŝtofoj, Pasamentaĵoj:* S-ino Jeanne Flourens; S-ro T. Lötzsch.
*Konstruado:* S-ro Jean Balliman; S-ro G. Arthur Brown; S-ro Francisko Schnederi.
*Ŝipkonstruo:* S-ro A. Černohvostov.

**Belartoj.**

*Estetiko ĝenerala:* S-ro Georg J. Meyer.
*Arhitekturo:* S-ro F. O. Lechmere-Oertel.
*Desegno:* S-ro A. Mazzolini.
*Muziko:* S-ro Montagu C. Butler; S-ro W. Kalitzke (muzikaj instrumentoj); D-ro Paul Rumpel; F-ino Ad. Ŝefer.
*Sportoj:* D-ro Paul Rumpel.

**Literaturo.**

S-ro Rudolf Fridrich; S-ro Georg J. Meyer.

**Geografio kaj Historio.**

*Historio:* S-ro Norman W. Frost; S-ro J. Georg Meyer.
*Kulturoj:* D-ro E. Dittrich; S-ro G. Kayser.
*Geografio:* S-ro A. Ĉernohvostov; S-ro Norman W. Frost.

**Nedifinitaj Fakoj.**

S-ro Anatolo Koch.
S-ro Stefano La Colla.

# Lingvaj Studoj.

## Genio popola kaj Zamenhof.

Ni scias, el la historio de Esperanto kaj el la biografio de Zamenhof, ke nia lingvo — antaŭ ol fiksiĝi definitive en manoj de la kreinto — multfoje ŝanĝis siajn aspektojn. Ŝajnas, ke la ĉefa laboro estis harmoniigi kaj akordigi la materialon, ke elekto de tia aŭ alia sufikso aŭ radiko estis arbitra, iufoje eĉ hazarda. Se anstataŭ **-o** ni havus **-a** kaj male, ni tute nature lernus: *karo amika, nio tera, grando poeta, Roma, Italia, Odesa, Padova...*

En subaj linioj mi penos montri ke elekto de substantiva finaĵo **-o** ne estis arbitra, sed preskaŭ fatala. Se Zamenhof en tio ne agis konscie, li ĉiuokaze estis gvidata de la instinkto senerara, de la subkonscia logiko.

Genio de la franca simpla popolo kreis sub la influo de l' sama instinkto serion da kuriozaj vortoj, kiuj aspektas »esperantaj« Jen kelkaj el tiu serio: *métro* (metropolitena fervojo subtera), *kilo* (kilogramo), *auto* (aŭtomobilo), *photo* (fotografaĵo), *sténo* (stenografisto), *radio* (radiotelegramo), *dactylo* (skribmaŝinistino), *magnéto, moto* k. t. p. Ne estus ĝusta opinio, ke tiaj vortoj estas nuraj mallongaĵoj. Ekzistas aliaj ekzemploj kiuj pruvas, ke la franca popolo kreis en ili novan finaĵon **-o.** Ekz. *proprio* venas el plilonga vorto sen finaĵa **o** (propriétaire), ankaŭ: *rigolo, gogo, coco...* Laŭ fonetika vidpunkto estas tute analogiaj jenaj vortoj (kun ortografio nepopola): *sergo* (sergot), *anarŝo* (anarchot), *baŝo* (bachot), *baro* (barreau), *majo* (maillot), *treno* (traîneau), *koto* (coteau), *lo* (l'eau), *karo* (carreau), *palto* (paletot), *manto* (manteau), *bulo* (bouleau) *vo* (veau)...

Estas ekster ĉia dubo, ke Zamenhof kaj la franca popolo, kiel ni ĉiuj, rimarkis konstantajn elementojn en terminoj de moderna tekniko kaj scienco: *aero, elektro, radio, foto, hidro...* en vortoj — aerostat, aeroplan, elektroskop, elektrofor, radiograf, radioaktiv, fotograf, fotometr, hidrograf, hidrostatik... Oni klare sentis ke unuaj partoj de tiuj kombinaĵoj estas substantivoj kun finaĵo **-o.** Tiamaniere kun mirinda facilo oni kreadis laŭbezone novajn kombinaĵojn; ekz. laŭ analogio kun *hipodrom*, oni diras *aerodrom*, simile je *omnibus* oni kreis *autobus* kaj (iom frue) *aerobus*, kun sama facileco aperis: *hidravion, motocikl, aeroklub, elektroterapi, radiogram, kablogram* (depeŝo), *velodrom, termostat, ksiloterm, termoskop, daktiloskop, daktilograf, seismograf, barograf, grafofon, gramofon, patefon, diktofon, fonograf* ktp.

En moderna franca komerco kaj industrio estas rimarkinda apero, tute nova, parte sub influo de Esperanto. Ĝi konsistas en emo elpensi reklamajn nomojn kaj fabrikajn markojn, kiuj tre ofte similas esperantajn vortojn kaj kopias nian stelon. Jen, por ekzemplo, hazarde trovitaj nomoj en la Bottin (fama adreslibrego) por 1921: *Roneo, Oleo, Radio, Fama, Alta, Nova, Elektro, Movado, Ormo, Ferodo, Aera, Lutra, Itala, Novo, Berko, Oleovalvo, Berna, Miriga. Ĝismonda, Eterna* (horloĝo), *Milita* (revolvero)...

Influo de la Esperanta stelo estas tute konstatita. Se vi trarigardos ilustritajn komercajn katalogojn kaj adreslibrojn, aperintajn antaŭ 30—40 jaroj, vi vidos, ke plimulto da steloj (uzitaj por fabrikmarkoj) estas ok-, sep-, kaj sespintaj. Dume, en la nuntempaj — grandega plimulto estas la kvinpintaj, kelkfoje precize kopiitaj, esperantistaj steloj.

Tiel la fluo de l' vivo inspiris la kreinton de Esperanto, kaj reciproke, nuna Esperanto influas la vivon de grandaj kulturaj centroj. Volapük malsukcesis, ĉar ĝi estis tro absurda. Ido pereas pro sia troa logiko, Esperanto venkos, se ĝi ĉiumomente adaptiĝos al ĉiam novaj kaj novaj modernaj fluoj, postuloj kaj bezonoj.

*P.-E. Stojan L-K.*

## Prepozicioj kaj konjunkcioj interkorespondaj.

Objekto prezentata por esperantologia esploro kun centra povo de *Eugen Wüster.*

La idea rilato inter la tri kategorioj: prepozicio (ekz-e: *por* lego) infinitiva konjunkcio (*por* legi) kaj neinfinitiva konjunkcio (*por ke* li legu) estas plene analogia ĉe ĉiuj prepozicioj liverantaj ankaŭ neinfinitivajn konjunkciojn. Malgraŭ tio rilate la formojn en Esperanto forestas tia analogio.

*Esperanta Lingvuzo:*

| prepozicio | inf. konj. | neinf. konj. |
|---|---|---|
| *anstataŭ* | x*) | *x tio, ke* |
| *antaŭ* | x *ol* | *x ol aŭ x kiam* |
| *dum* | { —*) / *...ante* | x |
| *ĝis* | — | *x aŭ x kiam* |
| *krom* | x | *x tio, ke* |
| *malgraŭ* | — | *x tio, ke* |
| *por* | x | *x ke* |
| *post* | — | *x kiam* |
| *pro* | — | *x tio, ke* |
| *sen* | { — / *ne ...ante* | *x tio, ke* |

Ĉi-tiu tabelo montras, ke la analogio estas lezata 1. en la dua kolono per neapero de multaj propozicioj kaj la almeto de *ol* post *antaŭ* kaj 2. per tute neregula konsisto de la tria kolono.

**Fontolingvoj de Esp-o:**

En la dua kolono ankaŭ la naciaj lingvoj preskaŭ eksklude uzas la prepoziciojn sen aldonaĵo; sed ĉe ili la kolono estas pli malpli plena, troviĝas en ĝi ankaŭ *post, pro* kaj *sen.*

Por formi la trian kolonon la naciaj lingvoj aplikas malsamajn rimedojn: A prefere la prepoziciojn *x* sen aldonaĵo, F, parte G kaj arkaje A *x ke*, R kaj parte G *x tio, ke* kaj ĉe la tempaj R ankaŭ *x kiam* (kaj unufoje *ol*).

El tio oni samtempe vidas, ke la tria kolono ĉe AF plene kaj ĉe R preskaŭ estas regula.

**Konkludo:**

Regulecigo de la prepozicia-konjunkcia tabelo en Esp-o do devus efektiviĝi jene:

En la dua kolono estas uzataj *ĉiuj* prepozicioj kaj tio sen aldonaĵo.

Por ke la tria kolono estu regula, devas okazi ekskluda elekto inter la kvar rimedoj aplikataj de la naciaj lingvoj kaj de Esp-o.

Samformeco, do homonimeco kun la prepozicioj (x) principe estas evitinda, *x tio, ke* estas tro peza kaj *kiam* nur taŭgus por specialaj kazoj; do restas sole la formo *x ke*, cetere la plej internacia.

Resume la tuta tabelo estus konstruata analogie al *por, por, por ke.*

La grandajn superaĵojn de tia regulado ni apenaŭ bezonas speciale elmontri. Tamen ni malrekomendas propraŭtoritate forlasi la deponitan en la supra tabelo lingvuzon de la bonaj aŭtoroj, kiel kelkaj jam faras (eĉ nomante la tabelan procedon »erara«, »malkorekta« ktp.); ni sole prezentas »objekton por esperantologia esploro kun centra povo«, t. e. por specialista studo kaj, eventuale, centra (konvencia) regulado. 25. 7. 21.

*) x anstataŭas la formon de la prepozicio, — = mankas.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. Membro (M): *5 Fr.*

*Membro-abonanto* (MA) ricevanta la gazeton: *12.50 Fr. — Membro-Subtenanto* (MS) ricevanta la gazeton: *25 Fr. — Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniuj naciaj favorprezoj). Naciaj prezoj por M, MA, kaj MS: **Aŭstrio:** *Kr. 200, 600, 1400;* **Baltaj Ŝtatoj:** *G. Mk 25, 65, 150;* **Belgio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Britio:** *Ŝ. 5, 12/6, 25;* **Bulgario:** *L. 35, 80, 180;* **Ĉeĥoslovakio:** *Kr. 25, 65, 140;* **Danio:** *K. 5, 12.50, 25;* **Finnlando:** *Mk. 22, 60, 120;* **Francio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Germanio:** *Mk. 25, 65, 150;* **Hispanio:** *Pes. 6, 15, 30;* **Hungario:** *Kr. 140, 380, 800;* **Jugoslavio:** *Kr. 60, 150, 340;* **Italio:** *L. 14, 35, 70;* **Nederlando:** *G. 2.80, 7, 14;* **Norvegio:** *Kr. 6, 15, 30;* **Polio:** *Mk. 500, 1500, 4000;* **Rumanio:** *L. 30, 75, 160;* **Svedio:** *Kr. 4, 10, 20;* **Usono:** *D. 1, 2.50, 5.*

La Helpmembroj (HM) kategorio provizore kreita favore nur al jenaj landoj kun tre malbona kurzo. Aŭstrio: Kr. 125; Hungario: Kr. 90; Polio: Mk. 300. Ili nuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevo de la jarlibro, gazeto kaj enskribo en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj **k. t. p.**) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Jarlibro 1922.** — Por certigi pli fruan aperon de la jarlibro ni insiste petas, nepre atenti ke ĉiuj korektoj, anoncoj, kaj adresoj por la »Interrilata Adresaro« atingu nin ĝis la *31. januaro 1922.* (Ekstereŭropanoj ĝis fino de Februaro).

**Kotizoj por 1922.** — Je la 31 Novembro estis enkasigitaj 205 kotizoj (el kiuj 38 membroj, 150 membro-abonantoj, 17 subtenantoj). — *Entreprenoj: 3.* —

**Statistiko de la poŝtajoj.** Movado de la poŝtajoj dum la monato novembro:

Ricevitaj: 810. — Forsenditaj: 662. — Tuta sumo: 1472. — (Antaŭa monato: 1509.)

**Subtenantaj Membroj.**

*Unua listo:*

1. S-ro Ralph Eliott Plymouth. — 2. S-ro J. E. Esslemont Bournemouth. — 3. S-ro P. Groshek, Glen Massey, Aŭstralio. — 4. S-ro T. Wright, Worthing. — 5. S-ro J. Lakey, Hatfield. — 6. S-ro S. L. James, Tonbridge. — 7. S-ro Buchheim, Boulder, Cal. Usono. — 8. S-ro Alfred Bassett, Hilldene, Aŭstralio. — 9. S-ro Henry C. Oldmeadon, Black Rock, Aŭstralio. — 10. S-ro Walter Mc. Pherson, Gisborne, Aŭstralio. — 11. S-ro H. M. Lanyon, Gisborne. — 12. S-ro Harold Lanyon, Gisborne,. — 13. Fino E. J. Lanyon, Bendigo, Aŭstralio. — 14. S-ro Stanley Grounds, Hootscray, Aŭstralio. — 15. F-ino L. Barslett, Hootscray, Aŭstralio. — 16. S-ro Schauenberg, Bruxelles. — 17. S-ro S. Freund, Breslau. —

**Pagoj el Germanio.** — Ni informas niajn Delegitojn en Germanio ke por plifaciligi pagojn al ni, ni starigis poŝtĉekkonton. Sendante monon oni adresu:

*Universala Esperanto Asocio, Zentralamt in Genf, Poŝtĉekkonto* **90850**, *Frankfurt am Main.*

Informon pri la uzo de la mono oni notu dorsen de la pagilo; rekomendinde estas averti nin samtempe pri la farita pago.

**Pagoj el Ĉeĥoslovakio.** Ni entreprenis klopodojn por starigi konton ĉe Poŝta Ĉekoficejo en Praha. Antaŭ ol tio estos preta, la Delegitoj uzu la pagilojn no 13.959 kun nomo de S-ro Rud. Hromada, nia komitatano en Praha, aldonitajn al Of. Bulteno. La Membrolistoj kaj folioj Interrilata Adresaro estu sendataj al C. O. Genève.

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio.*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 1800 |
| 7. S-ro Johannes Grünthal, Hapsalu (Estonio) . . . . . . | 300 |
| | 2100 |

Ni esprimas nian specialan dankon al tiu-ĉi nova aliĝinto; konsiderante la malaltan valoron de la enlanda mono la ofero de S-ro Grünthal estas vere laŭdinda. Ĝi atestas pri tre malofta komprenemo de la rolo kaj situacio de UEA.

Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj partoj po 100 Frankoj. Ĉiu akirinto de atesto de la Garantia Kapitalo fariĝas Dumviva Membro de UEA, sekve bezonas pagi nenion plu por la kotizo aŭ la abono al la gazeto, kiaj ajn estos la prezoj.

La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Athènes* (Grekio). — D.: S-ro N. Eustathianos, stud. med., rue Anagnostopoulo 30 bis.

*Baltimore* (Usono, Md.). — D.: S-ro Adam Bartosz, ĵurnalisto, Rosedale Raspeburg.

*Brisbane* (Aŭstralio, Queensland). — D.: F-ino Marion Fraser Charlotte Street.

*Buffalo* (Usono, New York). — D.: S-ro Joseph S. Gianfranceschi kuracisto, Clinton Street.

*Cambridge* (Usono, Mass). — D.: S-ro Norman W. Frost, linotipisto, 12, Ash. St. Pl.

*Dotnava* (Litovio). — D.: S-ro Liudas Alseika, termezuristo.

*Grisee* (Ned. Indio, Java). — D.: S-ro P. W. Van den Broek, juĝisto (Landrechter).

*Gyula* (Hungario, Bekes). — D.: S-ro D-ro G. Foris, advokato, Bonyhadi utcza 7 sz.

*Helder* (Nederlando, Noord Holland). — D.: S-ro C. Govers, lignotornisto, Steengracht 21. VD.: S-ino M. L. Kaptein, Bloem traat 6.

*Hodimont* (Belgio, Liège). — D.: S-ro Ivan Delhez, oficisto, Montagne de l'Invasion 21.

*Jaca* (Hispanio, Huesca). — D.: S-ro Julio Mangada Rosenörn, militisto, Majoro de la 19a Infanteria Regimento.

*Lomza* (Polio). — D.: S-ro Jan Kronenberg, instruisto.

*Merseburg* a. Saale (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Hermann Schmidt, komercisto, Unteraltenburg 10.

*Momence* (Usono, Illinois). — D.: S-ro Greame Davis, pastro, Lock Box 346.

*Northampton* (Anglio). — D.: S-ro George Arthur Plouman, komizo, 74, Northcote St.

*Ratnagiri* (Hindio, Bombay). — D.: S-ro R. Stuart Gordon, inspektoro de distilejo.

*Rio de Janeiro* (Brazilo). — D.: S-ro D-ro Nuno Baena, kuracisto, Praça 15 de Novembro 101-2 andar. VD.: S-ro Odillo Pinto, ŝtatoficisto, Repartiças Geral dos Telegraphos.

*Salineville* (Usono, Ohio). — D.: Chauncy Case, pastro. P. O. Box 312.

*Santiago* (Kubo). — D.: S-ro Gerardo Puig Mestre, komercisto, E. Palma b. n-ro 4.

*Skoplje* (Jugoslavio, Serbio). — D.: S-ro M. Soloviev, juristo (praktikant).

*Stafford Springs* (Usono, Conn.). — D.: S-ro Raymond Ranieri Neri, teksisto P. O. Box 621.

*Turek* (Polio, Kalisz). — D.: S-ro Boris Strelczyk, oficisto, ul. 3-go Maja 10.

*Villa Banale* (Italio, Trentino). — D.: S-ino Teresina Ceranelli-Dipré, instruistino.

*Vítkovice* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Arnošt Janečka, komercisto, Republikánská 28. VD.: S-ro Josef Sedzimír, laboristo, Mar. Hory, Supera kol. 423.

**Ŝanĝoj:**

*Györ* (Hungario). — D.: S-ro György Steiner, Kletzarstr. 12.
*Halle a. Saale* (Germanio). — D.: S-ro Rudolf Strauss, tajloro, Scharrenstr. 10/I.
*Harburg a. E.* (Germanio, Hannover). — D.: S-ro Heinrich Schünemann, komercisto, Buxtehuderstr. 17.
*Kilbirnie* (Skotlando, Ayrshire). — D.: S-ro Robert Partridge, 3, Townhead.
*Split* (Jugoslavio, Dalmatio). — VD.: S-ro Ante Borĉić, Wilsonova obala 5.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Articlave* (Irlando); *Kaufbeuren* (Germanio); *Kragujevac* (Serbio); *Oxford* (Britio); *Panagurichté* (Bulgario).

# Esperantista Parolejo

### Al ĉiulandaj samideanoj!

En Litovio estas preparota reformo de ĉiuspecaj lernejoj. Tial litova kultministerio bezonas regularojn de lernejoj en ĉiuj landoj. Por pruvi disvastiĝon de Esperanto en la mondo kaj tiel inklini nian kultministerion al deviga enkonduko de Esperanto en lernejojn, ni esperantistoj proponis utiligi E. por akiro de nomitaj regularoj. Esperantistoj ĉiulandaj multe nin helpos, se ili sendos al ni en germana, franca aŭ Esperanto lingvoj regularojn de popollernejoj kaj de instruistseminarioj. Rekompence estos sendataj „Malgrandaj pensoj pri grandaj demandoj“ de prof. A. Dombrovski, aŭ „Fraŭlino Suzano“ de P. Medem.

*I. Maĉernis*, „Saules“ mokytojn Seminarija, Kaunas, Litovio.

### Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

La C. O. de U. E. A. kore dankas la Delegitojn kiuj tradukis kaj presigis en naciaj gazetoj la komunikon de la Internacia Laboroficejo. Jen la nombro de ricevitaj artikoloj ĝis la 30. Novembro: Germanio 48, Francio 31, Ĉeĥoslovakio 31, Svedio 29, Britio 20, Nederlando 19, Svisio 17, Hispanio 15, Italio 15, Belgio 7, Finnlando 6, Bulgario 6, Danio 4, Polio 4, Hungario 4, Norvegio 3, Jugoslavio 3, Aŭstrio 2, Saarteritorio 1, Litovio 1, Rumanio 1, Usono 5, Afriko 3. Sume 275 artikoloj.

S-ino *M. Tass-Richez* el Forchies (Belgio) kore dankas S-ron B. Luis, Del. en Düsseldorf pro bona akcepto.

S-ro *Fritz Müller* el Chemnitz korege dankas al jenaj S-roj kiuj tre afable helpis lin dum piedvojaĝo tra Rejnlando kaj Bavario: S-ro Schmidt, Düsseldorf, S-roj Junker kaj Hurler- Köln, S-ro Becker- Mainz, S-ro Fricke- Frankfurt, S-ro Orthal- Nürnberg. Li ĉefe dankas S-rojn Deubler kaj Schlegel en München pro speciala grava servo.

S-ro *A. Lappalainen* el Helsinki dankas al ĉiuj Delegitoj de U. E. A., kolegoj kaj gesamideanoj pro la gravaj, afablegaj servoj faritaj dum studvojaĝo en Dresden, Chemnitz, Leipzig, Weinböhla, Berlin kaj Potsdam. Precipe li esprimas sian dankemon al samideanoj S-roj A. Sohrmann en Weinböhla, Max Sykora, F. Thiel, J. E. Nicolai, E. Friebel, F-ino Lydia Oesterreich en Dresden; S-roj Curt Feder, Curt Heyde, E. Klemm, M. Unger, Prof. F. Wiche en Chemnitz; S-roj B. Kötz, H. Rössel, E. Degen en Leipzig; S-ro W. Wittbrodt kaj F-ino Käthe Bock en Berlin kaj S-ro E. Markau en Potsdam.

*Ofte ni ricevas notojn aŭ alvokojn interesajn sed tro tendencajn aŭ reklamajn por esti enpreseblaj kiel teksto de nia gazeto. Nur kiel anoncojn ni povas ilin presigi. Tion proponis mem S-ro Colin Unwin por alvoko pri »Unismo«.* *(Vidu paĝon 20.)*

# Esperantista Vivo

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Milĉo Georgiev* en Sofia kun F-ino *Marijka Nikolova.*

S-ro *H. Sappl* en Graz kun F-ino *Mitzi Weber* en München.

S-ro *Karel Weinberg* el Skřivany (Ĉeĥosl.) kun F-ino *Aňurka Šindelářová.*

**Edziĝoj.** — S-ro *Josef Friedrich,* D. en Košice (Ĉeĥoslov.) kun F-ino *Emmy Reichel* el Košice.

S-ro *Teodor-Minedean Adalbert,* VD. en Cluj kun F-ino *Benedik Ilus.*

S-ro *Hans Klinger,* Del. de UEA kaj prezidanto de la Grupo Esperanto Tetschen-Bodenbach (Ĉeĥoslovakio), kun F-ino *Marie Müller* el Georgswalde (Ĉeĥoslovakio).

S-ro *V. Cimr,* red. de Espero Teozofia, Praha kun F-ino *Marie Hemerová* el Karlín.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**S-ino Cherblanc,** edzino de nia Delegito en Tarare (Francio).

**Klemens M. Hütter,** VD. en Bad Reichenhall mortis post longa malsano. Kiu konis lian noblan karakteron ne forgesos lin.

**Raimund Valentin Marek** el Skřivany (Ĉeĥoslovakio).

**S-ino Matilda Maruzzi,** patrino de D-ro D. Maruzzi, Del. en Zagreb.

**Vasil Mutafov,** 20-jara, membro de la Grupo »Frateco« en Varna.

**G. Sellin,** fervora esperantisto en Schwerin, tradukinto de germanaj popolkantoj.

**Josef Slivka** el Č. Budějovice.

**José Viggiano Romes** en Bahiá Blanca (Brazilo).

## TRA LA FAKOJ

### Katolikoj

S-ro Dro *Wilhem Hotzelt* en Strullendorf bei Bamberg petas nin raporti kiel aldono al la »Fakaj Kunvenoj en Praha Nº 9/10 1921«, ke la plua kunsido de la 5ª de Aŭgusto decidis la malon de tio, kion asertas la raporto: Ĝi decidis ke I. K. U. E. estas memstara organizo de katolikaj Esperantistoj sendependa de I. K. A. Li miras ke neniu alia katolika esperantisto korektis tion. Ni presas la rimarkon de S-ro Hotzelt kaj konfesas ke pro la multnombreco de katolikaj organizajoj ni neniam havis ĝustan kaj klaran ideon pri tiu movado. Plurfoje ni ricevis plendojn pri la trograndigoj de la porkatolikaj raportoj.

Sekve ni petis klarigojn pri Moka, Ika, IKue, Blanka Kruco de S-ro Hans Sappl en Graz. La rezulto estas ke nur IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) estas pure esperanta organizo. La aliaj estas pli malpli esperantemaj organizajoj.

Ni do estonte raportos nur pri IKUE kaj akceptos raportojn nur de ĝia ĉefsekretario.

Ni tiel havos klaran ideon pri la movado esperanta inter katolikoj kaj evitos la erarigan amason de raportoj diversdevenaj kiu aperis ĝis nun.

### Kuracistoj!

La unua numero de la »Internacia medicina revuo« aperos definitive en Februaro. Por ke jam la unua numero estu kiel eble plej riĉenhava, mi petas ĉiujn kuracistojn, bonvoli fari referatojn el la nacia medicina gazetaro inter 6—25 linioj kaj sendi ilin tuj al mi. Mi petas ankaŭ la garantiantojn, ke ili sendu al mi la garantian sumon.

Dro *Karlo Mezei,*
VI., Teréz-körut 4. *Budapest* (Hungario).

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábřeží 396.

**Problemo N-ro 20.**
*K. Traxler*, Dub.
(Originalo.)



Blanko matas per la 3-a movo

**Problemo N-ro 21.**
*H. C. Hansen*, Hvam.
(Skakbladet 1911.)



Blanko matas per la 2-a movo

En la problemarto ekzistas du sistemoj, laŭ kiuj oni prilaboras du diversajn ludobjektojn. Unu sistemo elektis la ludmanieron, la alia la mataspekton, por ilin prezenti en arta formo. Laŭ tiuj ĉi du sistemoj oni fondis du *problemskolojn*. La *ludmaniera skolo* preferas prezenti la teknikon de la ludo. Al ĉi tiu apartenas la angla kaj ĝia ekstremo, la anglamerika skolo.

Alie agas la *matbilda skolo*, kiu penas rezultigi el la ludo bele aspektantan matbildon. Ĝia reprezentanto estas la germana kun sia ekstremo, la bohema skolo. Preskaŭ ŝajnas ke la produktoj de la unua skolo devenas de inĝeniero, dum la dua skolo liveras produktojn de pentristo. Kvankam inter la du skoloj ekzistas granda diferenco, tamen oni ofte renkontas ilin ambaŭ en multaj problemoj, en pli aŭ malpli moderigita formo. La ĝusta ekkono de la skolo, laŭ kiu la problemo estas verkita, plifaciligas ankaŭ la solvadon.

K. Traxler, unu el la plej rimarkindaj reprezentantoj de la bohema skolo, dediĉas al ni sub no 20 modelan ekzemplon de matbilda problemo. La solvo rezultigas kvar matpoziciojn. Ilin esplorante oni trovas, ke ĉiuj estas *matoj regularaj*, t. e. *puraj* kaj *ŝparemaj*. En la pura mato, la matretaj kampoj estas aŭ sole kaj unufoje influataj de la blankaj figuroj, aŭ okupataj de nigraj figuroj, estante ekster influo de la blankaj. En *ŝparema problemo* ĉiu blanka figuro devas partopreni en la matado ĉe la ĉefaj variantoj. En la sensignifaj variantoj duagradaj oni tion ne postulas. La du similaj matbildoj, en kiuj la nigra Reĝo estas matata de la Turo irinta al a4 aŭ a7, estas nomataj la *eĥo*. — La problemo de Hansen montras la ludmanieran skolon. Ĝi prezentas la ideon de *plena kurpovo* de la Ĉevalo, kiu en ok matoj okupas ĉiam alian kampon. Videble ĉiuj figuroj ne partoprenas rekte (Kd1) en la matado, sed tiu ĉi malŝparemo de la fortoj, estante neevitebla, ne difektas problemon celantan la ludmanieron.

---

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro. 18. 1. Kb2-h8! Rb7—a7, 2. Dd1—a1 k. t. p. 1. Rb7—c7, 2. Dd1—c2 + k. t. p.

N-ro 19. 1. Th3—g3! De8—e6, 2. sole el tiu ĉi kampo estas eble kovri la krizpunktojn e2 kaj h3, influatajn de la Ĉevalo, 2. Tg3—f3 la Turo malebligas la pluan samtempan kovron de tiuj ĉi punktoj el la kampo g4 kaj la Ĉevalo nun unu el ili atingos.

*Alvenis ĝustaj solvoj:* **Probl. 14, 15.** (Aldono al la listo en la lasta numero.) J. A. Morton, Wingham, Ont. (Kanado); A. Tille, New York (Usono); **Probl. 16, 17** H. T. Bailey, London; T. Rawlinson, Liverpool (Angl.); O. Ganster, Salzburg (Aŭstr.); H. Etzerodt, Hammel (Dan.); F. Jahn, Godesberg (Germ.); M. Esteban, Madrid (Hisp.); R. Koerselman, Voorst (Hol.); L. Herz, Budapest (Hung.); E. Migliorini, Roma (Ital.).

---

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita N-ro. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50.

Unu enpreso enlanacia mono: *Aŭstrio* 50 Kr.; *Belgio* 1.50 Fr.; *Britlando* 7½ d.; *Bulgario* 10 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 5 Kr.; *Finnlando* 4 F. M.; *Francio* 1.50 Fr.; *Germanio* 5 Mk.; *Hispanio* 1 P.; *Hungario* 30 Kr.; *Italio* 2 L.; *Jugoslavio* 10 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Pollando* 100 M.; *Skandinavio* 1 Kr.; *Svislando* 0.75 Fr.; *Usono* 0.15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko*. k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*.

---

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Belgio

**Bruxelles.** — S-ro Hendrick Vanvynckt, 8, Cité Van Cutsem, Anderlecht, L, PI (kun skoltoj por skolta grupo).

**Huy.** — S-ro A. Landenne, 9, rue St. Stanislas, PM (nur kun eksterеŭropanoj).

### Britlando

**Bournemouth.** — S-ro A. G. Coates, 8, Ophir Rd., PI.

### Bulgario

**Plovdiv.** — S-ro M. Aĝarov, Saborna ul. 58, (pri astronomio, entomologio, geologio, vegetarismo).

**Plovdiv.** — S-ro Todor Markov, Saborna 43, PI, PM, L, k. ĉ. l.

**Sevlievo.** — S-ro Konstantin G. Kostov, Sveta-Troica ul. 20, PM, PI, L (kun rusaj kaj aliaj junuloj).

**Sofia.** — S-ro P. A. Kolev, Regentska 19, PI de junaj fraŭlinoj por lernantinoj de tria gimnazia klaso.

**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski. Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Altstadt** bei Tetschen. — S-ro Alfred Schaffran, arĥitekturisto, PM (nur kun Saarteritorio, Memel, Danzig, Letlando, Bulgario, Ruslando), PI, L, k. ĉ. l. (precipe kun samfakanoj).

**Bodenbach.** — S-ro Hartwig Kammel, Pfaffendorfstr. 507, PI, PM.

**Bodenbach a. E.** — S-ro Ernst Kroj, Rosawitzerstrasse 132, PI, bfl, L, PM, k. ĉ. l.

**Bodenbach.** — S-ro Paul Ritschel, Aussigerstr. 606, L, PI, PM, k. ĉ. l.

**Červený Kostelec.** — S-ro Josef Vl. Šupich, Náměstí 31, PI, PM.

**Krochwitz** 56 bei Bodenbach. — S-ro Erich Zasckke PI, bfl, L, PM, k. ĉ. l.

**Mělnik.** — S-ro Georges Jelen, gimnaziano, PK, L, PM (diversaj objektoj).

**Moravany** (Boh.) — S-ro inĝ. L. Berger, PI, PM, Esp-aĵojn (kolektas adresojn).

**Písek.** — S-ro J. Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.

**Praha II.** — F-ino Julie Šupichová, faka instruistino, Malá Štěpánská 6, PI (utiligeblajn en geografia kaj historia instruado).

**Přerov** (Moravio). — S-ino Vlasta Krejčiříková, Čechova 6, PI, L, k. ĉ. l. (prefere kun anglaj, francaj kaj orientaj landoj).

**Přerov** (Moravio). — F-ino Irka Krejčiříková, Čechova 6, PM, PI, k. ĉ. l. (interŝanĝas belegajn kolektojn kaj koresp. ankaŭ angle, france kaj germane).

**Reichenberg.** — F-ino J. Wesely, Kratzauerstr. 46, PI, L, PM (nur kun eksterlandanoj).

**Teplitz-Schönau 2.** — F-ino M. Zobel, PI (pri malseriozaj temoj).

**Tetschen** ap. Elbo. — S-ro Josef Krikowa, PM (ne malpli ol 50 ekzemplerojn, precipe kun Jugoslavio, Ukrajnio, Litovio).

**Vysoké Veselí.** — S-ro Nesler Jos., PI (nacitipaĵoj) L (pri poŝto).

**Žilina 1.** — S-ro Václav Šíba, poŝtoficisto, PI, PM, k. ĉ. l.

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — S-ro Kawecki malpermesas la enpreson senpagan de sia adreso en iu ajn gazeto aŭ adresaro. Li malakceptos kaj ne respondos korespondaĵojn pri PM.

### Estlando

**Haapsalu.** — S-ro Grünthal, fotografisto, PI, L, stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).

**Haapsalu.** — S-ro Johannes Tamverk, Karja t. 5, PI, PM.

**Narva.** — S-ro Viktor Mander, 7es Peetri t. 12, PI, bfl, PM, papermonon k. ĉ. l.

**Rakvere.** — S-ro Ed. H. Ney, Lai tän. 27, PI, bfl, k. ĉ. l., PM (kun neeŭropanoj).

**Tarto.** — S-ro Alfred Sover, Kalda tän. 17, PI, bfl, L, k. ĉ. l. (pri amo).

### Finnlando.

**Helsinki.** — F-ino Lyyli Pajunen. Mynttikatu 3. D. Finnlando. PI kun ĉ. l. prefere kun partoprenontoj de la XIVa.

**Helsinki.** — F-ino Asta Lindberg, Kaserngatan 12, L, PI.

**Pori.** — S-ro T. A. Nuotio, Vrjönk. 15, (interŝanĝas ilustritajn revuojn ĉiulingvajn).

**Uusikaupunki.** — S-ro K. Walovuori, komercisto, PM.

## Francio.

**Drulingen** (Bas-Rhin). — S-ro Auguste Greiner, PM, k. ĉ. l. escepte Germanio kaj Francio (nur kun seriozuloj). Sendu unue.

## Germanio.

**Breslau 10.** — S-ro Kurt Kaschek, Weinstr. 83.
**Breslau 10.** — S-ro Paul Brieger, Kospothstr. 32.
**Breslau 10.** — S-ro Georg Jurzig, Matthiasstr. 164.
**Breslau 10.** — S-ro Joseph Fellmann, Neue Adalbertstr. 117.
**Breslau 10.** — S-ro Paul Kolle, Neue Adalbertstr. 102.
**Breslau 10.** — S-ro Karl Dorn, Weinstr. 15.
**Breslau 10.** — S-ro Kurt Bujak, Weinstr. 73.
**Dresden-Löbtau.** — S-ro Johannes Hetze, Wallwitzstr. PI, PM, L.
**Dresden-Dobritz.** — S-ro E. Friebel, instr., Residenzstr. 24/I, k. ĉ. l., L, ĉiutemaj, PI, bfl (vidindaĵoj el popola vivo).
**Düsseldorf.** — S-ro Eugen Einmal, Gerresheimerstr. 51. L, PI, k. ĉ. l.
**Gera-Reuss.** — S-ro R. Schneider, Körnerstr. 28, PM (kun seriozaj kolektantoj).
**Harburg-E.** | S-ro Frans Hieronymus, Bremerstr. 57, PI, L, k. ĉ. l.
**Harburg-E.** — S-ro Wilhelm Rusch, Talstr. 4, PI, L, k. ĉ. l.
**Heidelberg.** — S-ro Siegfried Dufner, instruisto, Mittelstr. 10, PM, PI, bfl (vidaĵoj de kasteloj).
**Heidenau N.** — S-ro W. Pantzsch, Kreuzstr. 3, PI, L, PM.
**Heidenau S.** — S-ro W. Machata, Hauptstr. 7, PI, L, G.
**Heidenau S.** — S-ro W. Röhner, Dohnaerstr. 27, PI, L, PM, esp. gaz. k. ĉ. l. (por si kaj gekursanoj).
**Leipzig.** — S-ro Albert Porzig, Grenzstrasse 1, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Merseburg a. Saale.** — S-ro Hermann Schmidt, Unteraltenburg 10, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Merseburg a. Saale.** — F-ino Marie Schmidt, Unteraltenburg 10, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Merseburg a. Saale.** — S-ro Oswald Wittig, Klausentor 3, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Oederan** (Sa.). — S-ro Wilhelm Reichel, instruisto, Esp-aĵo PI, bfl, PM (pli ol cent).
**Oederan** (Sa.). — S-ro Hermann Conseil, lernanto, Pf, bfl, PM, Esp-aĵoj.
**Oederan** (Sa.). — F-ino Annie Lorenz, 142, PI, blf, PM.
**Oederan** (Sa.). — F-inoj Amalie kaj Mariechen Swaton, B. 67, PI, bfl, PM.
**Oels** (Silezio). — S-ro Fritz Niebsch, Kronprinzenstr. 2, L, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Oels** (Silezio). — S-ro Rudolf Hobitz, filologiisto, Parkstr. 2, L, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Oels** (Silezio). — S-ro Erich Hoffmann, instruisto, Blücherstrato 3, I., PI, PM, L, k. ĉ. l., bfl.
**Oels** (Silezio). — F-ino Erika Hoffmann, studentino, Blücherstrato 3, I., PI, PM, L, k. ĉ. l., bfl.
**Sebnitz** (Sachsen). — S-ro Walter Marx, Böhmischestr. 46, PI, L, gaz.
**Stutgart-Untertürkheim** (Würtemberg). — Oskar Grimm, Esslingerstr. 39, pri laborista sporto precipe Rusianda kaj Finnlanda. L, PI, ĉ. l.
**Stutgart-Untertürkheim.** — Augusto Scheel, Rotestr. 9, kun militinvalidoj ĉl. precipe francaj, anglaj kaj usonaj.
**Stutgart-Untertürkheim.** — Gustav Hohl (20 jara tipografisto), Bachstr. 32, PI, k. ĉ. l.
**Stutgart-Untertürkheim.** — Gustav Dobler, Urbanstr. 47, PI.

## Hungario.

**Budapest.** — S-ro Fenyes Zoltan, Dob-u. 5/II, PK, PM (rekomendite, sendu unue).
**Budapest.** — S-ro Leo Herz, VI., Hunyadi-ter 2, PI, PM.
**Budapest.** — S-ro D-ro Károly Hegedüs, kuracisto, VI., Ankerköz 1. II. 4., PM.
**Budapest VII.** — S-ro Fernando Geiger, Nagydiófa u. 18. II/28, PI, L.
**Budapest X.** — S-ro Ladislao Brucker, Martinovits ter 7, PM, PI, papermono, k. ĉ. l.
**Budapest IV.** — S-ro Julio de Vastagh, Vaci utca 2, PM.
**Budapest V.** — S-ro Stefano (Istvan) Géri, Visegradi utca 24. I. 20, L, PI, PM, papermono, k. ĉ. l.
**Budapest VII.** — Gefratoj Zimmermann, Dob utca 108, f., 10, PI, PM, k. ĉ. l.
**Budapest VIII.** — S-ro Emilo Klamert, Práter utca 45, I., 8, PI, L, L. Gaz. Insignoj, sigelmarkoj, help- kaj ŝtatmonoj precipe kun Ameriko, Aŭstralio, Britio kaj Germanio.
**Erzsébetfalva.** — S-ro Kellner Miklós, Kossuth L. u. 42, PI, PM, papermonon.
**Miskolcz.** — S-ro Matyas Petyko, studento, Attila utca 9, PM, PI, hung. monbiletoj, L, pri ĉiu temo.
**Miskolcz.** — S-ro Andor Spiro, Templom utca 5, PM.
**Miskolcz.** S-ro B. Illyés, pastro, Major u. 52. I., PI, bfl., k. ĉ. l.
**Zalabér.** — S-ro Aleksandro Barasits, helpopastro, PI, PM.

## Italio.

**Genova 7.** — S-ro Francesco Baccini, via Giustiniani 17, PM, k. ĉ. l.
**Padova.** — S-ro Gobatto Tullio, 1, via Fabbri, PM.
**Roma 4.** — S-ro Elio Wigliorini, Piazza Scanderbeg 85, PM, (kun seriozaj korespondantoj; sendas memorp. m. de Dante kaj de la venko).
**Roma 14.** — S-ro Giovanni Ferro Luzzi, Via Luciano Manara 43, PM.

## Jugoslavio

**Zagreb.** — S-ro Edo Resnik, Duga ul. 27, PI, k. ĉ. l., bfl.

## Litovio

**Gruzdžiai.** — S-ro Klemens Dante, PK, L, broŝ., gaz., k. ĉ. l. (precipe kun italoj kaj germanoj).
**Mariampole. Putriŝkiai** (Padovinio val.) — S-ro K. Jaŝkiavičius, pri muziko, k. ĉ. l.

## Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PK, PM (escepte centra Eŭropo).
**'s-Gravenhage.** — S-ro J. M. van Stipriaan Luiscius, advokato, deziras ricevi kartojn kun juĝejoj (sendos aliajn kartojn).

## Pollando

**Biala Podolska.** — S-ro A. Urmacher, fotografisto, PI, L. k. ĉ. l.
**Bialystok.** — S-ro J. Ajer, Skrzynka Pocztowa 53, L, PI, bfl, papermono.
**Częstochowa.** — S-ro Czesław Fazan, Raków, PI, PM (serioza laŭ ĉiuj katalogoj).
**Częstochowa.** — S-ro D. Bem, Warszawska 1, L, PI, bfl. PM (kun ekstereŭropanoj).
**Częstochowa.** — S-ro A. Epstein, Nowy Rynek 6, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Częstochowa.** — S-ro J. Bulski, Warszawska 59, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Częstochova.** — S-ro J. Ratynski, Skrzynka 3, PM (almenaŭ 50).
**Jaslo.** — S-ro Salo Kornfeld, PM (PI, L, nur kun fraŭlinoj).
**Warszawa.** — S-ro Jozuo Stelman, Zlota 65a (pri matematikaj sciencaj temoj, precipe kun studentoj).

## Rumanio

**Baile Herculane.** — S-ro Johano Simon, judetul, Caras Severin, PI, L, G, insignoj sigelmarkoj, helpmonoj.
**Kisjenö.** — S-ro Kotzka Stefan, 28. j., L, PK, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.

## Ruslando

**Ĥerson.** — Esperanta Societo, domo de Aĥter, Erdelevskaja, L, PI, esp-aĵoj eĉ malnovaj.
**Moskva.** — F-ino Helena Ivanova Kurdjukova (19-jara), Poste restante, PI, L. esp-aĵoj, k. ĉ. l.
**Moskva.** — S-ro Nikolaj Ŝaŝkin Ostoĵenka, d. N. 38, Preĉistenskij Praktiĉeskij Institut (pri agrikulturo, socia vivo), gazetoj, malnovaj libroj esp., rus., angl., germ. Sendu sub banderolo.
**Serdobsk** (Saratova gub.). — S-ro I. Isajenko, Poŝtkesto 34, PI, L, (pri esperanta movado).

## Svedlando

**Malmö.** — S-ro Alexander Thörn, Pilgatan 14, L, bfl.
**Malmö.** — S-ro Sture Cronqvist, Claesgatan 12, L, bfl.
**Oskarshamn.** — S-ro Hugo Svensson, Kyrkagärdsg. 57, PM, k. ĉ. l.

## Svislando.

**Chaux-de-Fonds.** — F-ino Lucy Weill, rue Léopold Robert 27, PI, L, PM, (pri iu ajn interesa temo).
**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo »La Difesa« via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp-aĵoj.

## Afriko.

**Alexandrie** (Egiptio). — Geanoj de Egipta Esperanta Asocio. Sekretario: S-ro G. Wilken, 4, rue Farahdeh, L, PI. k. ĉ. l.
**Hammam-Lif** (Tunizio). — S-ro Nikolaj Antipov, villa »Les Gazelles« PI, PM, bfl, k. ĉ. l.

## Ameriko.

**Necochea** (F. C. S. Argentino). — S-ro E. Vitienes, PI, bfl, PM. (sendu 100 PM) de via lando mi sendos samkvanton el Sudameriko).

## Azio

**Chseinando** (Koreo). — S-ro Hangjai See, 126, Tokiwaco, Kongju.
**Ĉita** (Tchita, Siberio). — S-ro J. Kurbatov, poŝtoficisto, PI, L, PM, gaz.
**Okayoma** (Japanio). — S-ro Ichiro Aoki, studento, c/o M. Takabatake 5. PI. L.
**Omsk** (Siberio). — S-ro Bazil Najdin, Kuzneĉnaja 63, PI, L, PM, gaz., esp-aĵoj k. ĉ. l.
**Novonikolajevsk** (Siberio). — S-ro Filip P. Viŝnjakov Poŝtkesto 70, L, PI, PM, papermonon, esp. glumarkojn.
**Tabriz** (Persio). — S-ro Ali-Akber Nemseĉi, 24 Kvartalo Ŝeŝklan, L, PI, PM (kun gejunuloj).

# JUNULA KORESPONDADO

Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.

**Bournemouth** (Britlando). — S-ro L. E. Stephens, 24, Methuen Rd. PI por 15-jaraj lernantoj.
**Kostelec nad Ĉer. lesy** (Ĉeĥoslovakio). — 13—15 j. gelernantoj de la superelementa lernejo PI, L, M. Skribu unue al B. Ludvik, instruisto. Mem korespondas kun neeŭropaj landoj.
**Niederhermsdorf** bei Dresden (Germanio). — S-ro R. Scheibler, instruisto, kaj 45 geknaboj (12—15-jaraj), L, PI, PM (kun negermanaj landoj; pri lernejaj, instruadaj temoj kun neeŭropaj landoj).
**Oederan** (Germanio). — S-ro Max Weitzmann, instruisto, deziras korespondantojn, por 10—14 jaraj gelernantoj.

# PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Antaŭa pago.
En nacia mono: *Aŭstrio* 50 Kr.; *Belgio* 1 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 8 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 4 Kr. ĉ.; *Finnlando* 3 F. M.; *Francio* 1 Fr.; *Germanio* 4 M.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 20 Kr.; *Italio* 1.50 L.; *Jugoslavio* 8 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 100 M.; *Skandinavio* 0.75 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Adresŝanĝo.** — S-ro E. Urbach, Amersfoort, petas noti lian novan adreson: Lange Leemstraat 68, Antwerpen (Belgio).

**Blinduloj.** — Kiuj eksterlandaj samideanoj estus pretaj helpi junan blindan germanan Esperantistinon, kiu estas tre talenta kaj kapabla, por ebligi al ŝi, viziti konservatorion. Informon donas tre volonte Anna Mattheus, Eisenach, Markt 18, Germanio.

**Bontemplanoj!** Atentu! Mount Moriah Loĝio petas L. kaj P. I. por programo 22an Feb. 1922a. Faru ĉi tiun vesperon vere internacia. Nepre respondos. R. Partridge, 8 Townhead, Kilbirnie, Skotlando.

**Britio.** Angla-franca korespondado estas proponata de franclingvano. Reciproka korekto pere de Esperanto. Instruita literatur- kaj artamanta persono preferata. Fuŝuloj, naivuloj, junuletoj ne skribu. Membro 16.160 C.O. de U.E.A.

**Centra Librejo Esperanto** en Sofia deziras esti en rilatoj kun ĉiuj esperantaj eldonejoj kaj librovendejoj.

**Ĉu Eŭropo devas perei?** En Nederlando estas fondata neŭtrala ne politika movado, por starigi potencan ligon de honestaj, bonvolaj homoj en ĉiuj landoj serĉontan rimedojn antaŭsavi Eŭropon de plena pereo (i. a. plibonigo de l' traktato de Versailles). Ni serĉas kontakton kun sampensantoj. Ge-roj Isbrücker, van Beverningkstraat 10, 's-Gravenhage, Nederlando.

**Ĉu vi** volas aboni dumonatan revueton aperontan »La mondo politika«...? Abonkosto 3 ŝ. 6 p. (14 resp. kup.) jare. Oni petas artikolojn nepagotajn. Se respondo estos dezirata, bonvolu aldoni respondkuponon. 4 Princeton Street, Londono, W. C. 1, Anglujo.

**Elektro-muntisto** germana, juna, sperta en ĉiuj fakoj de elektrotekniko serĉas laboron en iu ajn lando. Helpu ĉiuj, mi repagos la elspezojn. Proponojn sendu al Hans Raum, elektro-muntisto, 13/I Zöllnerplatz, Dresden A. 16, Germanio.

**Ferbetono.** — Mi deziras raportojn pri la postuloj por la farado de armita betono en ĉiuj landoj. Mi sendos esperantan tradukon de la nederlandaj postuloj, kunmetitaj de la reĝa instituto de inĝenieroj, al ĉiu, kiu volas informi min pri la postuloj en sia lando. P. J. Vermaas, arĥitekto, N. Binnenweg 340 a, Rotterdam (Nederlando).

**Filatelista fako** de Internacia Esperanto Servo, W. Kwieciński en Wilno, ul. Żelazna Chatka, dom Kiełbowskiego (Meza Litovio) elsendas tuj al ĉiu esperantisto 20 diversajn nestampitajn poŝtmarkojn de Meza Litovio kontraŭ 1 ŝil., 1 sv. aŭ franca franko ktp. ensenditaj en rekomendita letero.

**Filatelistoj.** — S-ro Czesław Fazan, Częstochowa-Raków, interŝanĝas PK., MP., K. ĉ. l. kun spertaj filatelistoj. Sendas PM. el Polio, Meza Litovio, Ukraino kaj el Latvio laŭ ĉiuj katalogoj.

**Filatelistoj.** — Kiu sendos al mi 80—100 poŝtmarkoj el sia lando, al tiu mi sendos samvalorajn bavarajn markojn. J. Sandgruber, München, Gabelsbergstr. 101 (Bavarujo).

**Filatelistoj!** — Mi havas ĉiujn PM de Polio, Ukrajnio, meza Litovio kaj volas interŝanĝi je PM de ĉiuj landoj laŭ katalogo Michel 1920. Z. Tislowitz, Kraków, str. Augustyanska 19 (Polio).

**Filatelistoj,** kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébetkörut. 16.

**Filatelistoj.** — Kontraŭ unu usona dolaro en rek. letero mi sendos rekomendite kompletan uzitan aŭ neuzitan serion de nunaj jugoslavaj poŝtmarkoj kune 14 universvaloraj pecoj. Ivan Křepelka, Zagreb (Jugoslavio) ĉe Bourne & Cie, Marulić 5.

**Fotografistoj.** — Aliĝu la Universalan Fotografan Interŝanĝon, interŝanĝu fotografaĵojn kun ĉiulanduloj. Sendu tuj 2 ŝilingan poŝtmandaton, pageblan al W. C. Webster, 4, Gayton Road, Hampstead, London NW 3, Anglujo.

**Gejunuloj!** — Manuskripta gazeto gejunula estas fondata. Sendu literaturaĵojn: trad. kaj original. sur papero kun formato 22—20 cm. Personoj, kiujn interesas la gazeto, skribu aldonante en okazo de respondo poŝtm. aŭ monon, al H. Seppik, Tallinn, Manesi 7—12, Estonio.

**Göteborga sistemo.** — Deziras korespondi kun svedoj povantaj doni ĝustan detalan informon pri historio kaj nuna stato de la nomita alkoholkontrola sistemo. Rev. R. E. Fairbairn, St. John's, Newfoundland.

**Helsinki.** — S-ro H. Hjelt, Pietarink 18 C, povas havigi malkaran loĝejon al po 1 angla, germana, franca, hispana kaj ekstereŭropa vizitanto de la 14a kongreso. Prefere junaj.

**„Homara Interkonsento"** serĉas kontraŭnaciemajn, liberpensajn korespondantojn Skribu al S-ro K. Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O 17 (Germanio).

**Infana edukado.** — Grupo »L'Education Nouvelle« (Nova Edukado) fondiĝis en Francujo kunliganta francajn edukistojn, kiuj celas enkonduki en edukajn metodojn atmosferon pli liberan, vivoplenan, respekti personecon de infanoj, favore helpi al ilia agemo persona, laŭ metodoj Montessori aŭ similaj. Ĝi havas korespondantojn en Britujo: Edmond Holmes (New Ideals in Education); Usono: S-ino Cary (Progressive Education Association); Belgujo: Prof. Peeters (Minerva); Svislando: P. Bovet (Inst. J. J. Rousseau); kiuj sciigas ĝin pri lokaj klopodoj similaj. Samceluloj en aliaj landoj, kiuj bonvolus iĝi korespondantoj skribu al la sekretariino, S-ino Gueritte, 11 Claremont Gardens, Surbiton, Anglujo.

**Interŝanĝo** de PM dezirata kun jenaj landoj: Belgio, Nordaj ŝtatoj, transmaraj ŝtatoj. Ne sendas unue. Hugo Knobloch, Proschwitz 430 (Ĉeĥoslovakio).

**Irlando.** — Kiam vi vizitos Irlandon loĝu ĉe S-ino Simpson, Orlock Hill near Groomsport. Hejma komforto. Maro je kvinono da kilometro. Arbaretoj apude. Trankvila restadejo. Ne parolas Esperanton.

**Kiu** deziras aĉeti la »Faraono«, 3 volumojn, por gmk. 110? Interŝanĝo ankaŭ kontraŭ p. m. Erich Lüer, Helmstedt, Germanio.

**Kiu volas** ricevi versaĵojn de Balmont (rusa poeto), sendu al mi unu ekz. de iu esper. gaz.; — mian Krestomation — tri gazetojn. Ruslando. Moskvo. Ĉudovskoj 6. Komitato de Esperant. Svjazi, al M. S. Valentinov.

**Kongresano** vizitinta post la XIIIa la urbon Bratislava (Pressburg) kaj pruntinta al ĉi loka samideano sian fontanplumon, bonvolu, por resendeblo de ĝi, konigi sian adreson al Emilio Wanitsek, Bratislava, Rathaus (Ĉeĥoslovakio).

**La Revuo** 1909-10 kaj »Internacia Bulteno« majo 1915 - okt. 1916 por 5 sv. fr. vendeblaj. Ambaŭ bone binditaj O. Marquard, Industriestr. 26 Münster (Westf.)

**Martellotta Arturo — Lugano — Svisio** — sciigas ke li revenis de Italio kaj rekomencos la interŝanĝojn. Sendaĵoj malpli ol 10 fr. (svisaj) valoro ne estos respondataj. Ne interŝanĝas P. I. Serĉas seriozajn korespondantojn en Siberio — Ĉinio — Hispanio.

**Novjaraj deziroj.** — S-ro A. Ferrer Calvo, Asturias 44-1 Barcelona salutas ĉiujn siajn geamikojn kaj gekorespondantojn okaze de Novjaro.

**Peto.** — Mi estos dankema al samideano, kiu povos konatigi al mi la adreson de S-ro Bütterlinck, kemia inĝeniero germana, kiu estris la konstruon de grandaj uzinoj en La Rochelle Pallice (Franc.). Respondu al S-ro inĝ. Ch. Marseille, Del. de UEA en Paris, 127, Avenue Parmentier.

**Prezareton de Esperantaĵoj** senpage al ĉiu sendas »Bohema Esperanto-Servo«, Moravany, Bohemio (Ĉeĥoslovakio).

**Rusio.** — S-ro St. Rudnicki, Kraków-Debniki petas serĉi lian bofraton Michal Halapacz, civilkaptito en 1914, poste en siberia pola armeo en Nowonikolajewsk. De kiam la bolŝevika armeo disbatis ĉi tiun, li ricevis neniun informon.

**Sendu** al mi poŝtmarkojn el via lando, kaj mi tuj sendos multajn belajn P I de Italio. Gobbato Tullio, via Fabbri 1, Padova, Italio.

**Sendu 7 respondkuponojn** aŭ poŝtmarkojn de via lando en la valoro de 1.50 fr. sv. al »Bohema Esperanto-Servo«, Moravany (Boh., Ĉeĥoslovakio), kaj vi ricevos 3-an eld. de »B. E S-a Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj kun ilustraĵoj. Prezareto de Esp-aĵoj estas sendata senpage.

**Senkulpigo.** — S-ro Harold Price, Cadishead near Manchester bedaŭras, ke li ne povis skribi pli ofte al siaj multaj korespondantoj.

**Senkulpigo.** — Al miaj gekorespondantoj. Pro longa kaj grava malsano de tri familianoj, mi estas, de septembro pasinta, malhelpata skribi. Bonvolu pardoni min, akcepti miajn dankojn kaj atendi ĝis kiam mi povos respondi. Al ĉiuj mi deziras feliĉan novjaron. Kun samideana saluto, sincere via Yvonne Thooris, el Bruges (Belgio).

**Seriozaj** filatelistoj ĉl. bonvolu sendi sialandajn ĉiuspecajn naturaĵojn uzeblajn por lerneja muzeo kontraŭ ĉeĥoslovakaj PM. al S-ro A. Barkman, instruisto, Ústí n. O. Ĉeĥoslovakio. Fidindeco garantiata.

**Ŝako.** — Mi deziras ŝakludi kun esperantistoj ĉiulandaj. José Meseguer Ferrocarril 9-3-1, Barcelona, Hispanio.

**Tipografistoj!** Afable sendu ĉiaspecajn efikajn presaĵojn ĉianaciilingvajn, kapablajn porrepresi ilin kiel modelajn ilustraĵojn en fakĵurnalo aperonta kiel por-Esperanta propagandnumero. Dankonte: A. von der Heid, Leipzig-R., Charlottenstr. 11, III. Germ.

**Tutlanda Estona Junulara Unuigo** petas sendi informon pri *junulara vivo en ĉiuj landoj de la mondo*, (mallongajn priskribojn pri iliaj organizacioj kaj unuiĝoj ekster kaj en lernejo). Volonte ankaŭ interŝanĝas *ĵurnalojn de junularo* manskribitajn, hektografitajn aŭ presitajn. — Sendaĵojn adresu al Aŭgusto Jõger, Villardi tän. No 13-9. Talinn-Estonio. — La poŝtelspezojn oni kompensos.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0,50.

**Anglo** deziras aĉeti iam kaj de ie en la mondo ekzemplerojn de novaĵoj — infanaj ludiloj, galanteriaĵoj ktp., malmultekostajn por vendi en Anglujo. Volonte pagos por specimenoj kaj mendos pogrande poste iajn facile vendeblajn aferojn, pagante 5% rabaton al la koniganto. »Anglo«, 151 Waids House Road, Nelson, Lancashire, Anglujo«.

**Berlin.** — Georg Reimann, Germanio, Berlin (poŝtĉekkonto 112712). Möckernstrasse 71 v. III (53-jaraĝa sam-ano) prenas sur sin ĉiujn seriozajn komisiojn (enketas, aĉetas, vendas), kondukas fremdlandanojn tra Berlin (parolas angle, Esperante, france, germane). Vi postulu informojn!

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** deziratajn el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per Internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Fabiola,** mondfama romano el la tempo de l' unuaj kristanoj en roma imperio, 426 dense presitaj paĝoj kun 18 bildoj, verkita de kardinalo Wiseman, tradukita de E. Ramo. Prezo fl. 2, rekomendite per poŝto fl. 3.00 (24 internaciaj respondkuponoj). Havebla ĉe Centra Esperanto-Librejo, Daguerrestraat 158. 's-Gravenhage (Nederlando).

**Franco** kun bonaj referencoj komercaj deziras reprezenti en Paris eksterlandajn firmojn pri ĉiuj komercaĵoj kaj produktoj. Donos komercajn informojn pri ĉiuj francaj komercaĵoj. Perfektaj diskreteco kaj honesteco. Emile Béchet, 28, rue Leroyer, Vincennes-Paris.

**Hispana lingvo.** — Mi eldonas skribkajerojn en tiu lingvo. Instruistoj petu specimenon senpage. Akceptas agentojn kie oni uzas la hispanan. Gervois, 128, rue du Mont Cenis Paris 18.

**Kapitalistoj atentu.** — Konstruisto en Paris, kiu havas bonan firmon pri tegmento kaj plombarto petas kapitaliston por pligrandigi sian firmon kaj fari la tutan konstruadon de domoj kaj speciale la rekonstruadon en detruitaj regionoj de Francland; li ankaŭ povas reprezenti fremdajn firmojn kaj havas grandajn lokojn por deponi komercaĵojn, kiuj rilatas la konstruarton kaj sanigajn aparatojn; por pliaj sciigoj sin turni al S-ro inĝ. Ch. Marseille, Paris, 127, Avenue Parmentier.

**Kolektantoj! Atentu!** Mi vendas hungarajn poŝtmarkojn por duona prezo de l'katalogo Michel 1920. Ie ajn vi pagas pli multe. Skribu al Leo Herz, Budapest VI. Hunyadi-ter 2.

**Komerco.** — Ĉiu firmo kaj samideano, kiu volas vendi aŭ aĉeti ion ajn en Germanio aŭ volas esti bone riprezentata, skribu tuj al S-ro Alberto Hoffmeister. Herrlichkeit 62, Hamburg 11 (Germanio).

**Kuba.** — Eksporto kaj importo de komercaĵoj: S-ro Fructuoso Fernández, komercisto, 24 de Febrero 15—17, Matanzas (Cuba).

**Malkara** Esperanta Literaturo: 5 diversaj libretoj por unu svisa franko aŭ egalvaloro. Sendu en rekom. letero al Paŭlo Balkányi, Budapest VI, Hajos utca 15, II.

**Negocojn** ĉiuspecajn peradas Edgar Roitzsch, Sebnitz in Sachsen (Germanio). Vidu reklamon.

**Novaĵo!** — Sendu al S-ro Gervois, 128 Mont Cenis, Paris 19. tri francajn frankojn kaj desegnu la dikecon de via fontanplumo, vi ricevos fiksilon plej trafan kiu certigos vin kontraŭ perdo.

**Plateno-metalon** aĉetas k. vendas (nur pogrande k. laŭleĝe) Georg Reimann, Möckernstr. 71, r. III, Germanio (helpantoj ĉiulande serĉataj).

**Pri moraleco.** — »Aĉetu«: La Principo de la Movado por Ĉasta Vivo, pliklarigita el ideala kaj praktika vidpunkto. Tradukis: C. J. Roskes-Dirksen. Prezo: fr. 0.25, afrankite fr. 0,30, rekomend. fr. 0,45. Rabato por kvantoj. Havebla ĉe D. Roskes, van Loostr. 68. den Haag (Nederlando).

**Rozoleo bulgara** garantiite aŭtentika en luksaj boteletoj de 5 gr. sendas kontraŭ 25 francaj frankoj R. Červenakov, ul. Krestec 7, Sofia (Bulgario).

**Tutmondajn interrilatojn** serĉas »Bohema Esperanto-Servo«, Moravany, Bohemio (Ĉeĥoslovakio), kaj petas ĉiujn eldonantojn de Esperanto-libroj kaj aliaj Esperantaĵoj sendi siajn novaĵojn kun notita prezo.

# LA UNISMO

## Nova plano de kunhelpa rekonstruado

### Alvoko al Demokratoj por savi mondon rompitan.

*(»Unismo.« ... estas nova vorto esprimanta la ideon aŭ principon de unuigo nacia kaj internacia ... originale publikigita en 1913.)*

Senĉese revadas Esperantistoj pri tiu tempo kiam la milito fariĝos neebla kaj la universala paco realiĝos. Kvankam lingvo komuna plirapidigos la atingon de tiu idealo, multe da politikaj studentoj ja scias ke sociala kaj industria rekonstruado en ĉiuj landoj estas necesego nedisputebla por certigi la deziratan pacon.

Malgraŭ la plej bonaj intencoj terura danĝero persistas pro la konkurso negoca inter diversaj nacioj, kiuj nuntempe pli kaj pli nuligas la politikon de libera interŝanĝado de komercaĵoj kaj kiel ĵus klarigas Sinjoro Herbert Hoover el Ameriko »Tia agado kaŭzas la nekontraŭstareblan premadon de netolerema nacia forto; ĝi devigas la estadon de armeoj kaj militŝiparoj ... la malfortuloj ĉiam estas venkitaj kaj la potenculoj triumfas«.

Estas sendube necese nun ke la sinceruloj ĉiulandaj decidu klopodi unuanime kaj energie pri unuiga tasko por eviti la detruon de nia civilizacio bazita sur perfortego kaj konkurado kruela. Ĝisnune agado tia restis malfacila aŭ neebla pro la neekzisto de plano pri kiu la plimulto da reformistoj kaj popoloj povus interkonsenti. Tial — laŭ la principoj ke la vero ie troviĝas inter la ekstremaj vidpunktoj; ke tiu vero montras la metodon por kunlaborado; kaj ke tiu ĉi komuna klopodado konsekvence liberigos nin — la politiko de «Unismo« liveras novan planon de ĝenerala rekonstruado ekonomia.

La malnova sistemo disrompiĝas. Ĉiuj devas labori por la reciproka bonstato nacia kaj internacia. Milionoj suferas kaj pereas pro manko de nutraĵoj, vestaĵoj kaj rifuĝejoj ĉar la industrio malsukcesas plenumi sian superegan devon. Produktanta kaj distribuanta maŝinaro estas la ludilo de financaj, laboristaj kaj komercaj interesoj. Anstataŭ daŭrigo de celo kun progresado, paralizo de industrio superas kun necerteco kaj ĥaoso.

Sub la malkvieto de politika kaj industria baraktado troviĝas du potencaj fortoj — unu bazita en la socialismo, la alia bazita en la individualismo. Tiuj principoj enpenetras du vastajn organizaĵojn amasigantajn rapide siajn tutajn povojn por fina batalo. La unua principo insistas ke la produktado kaj la distribuado estu iel kontrolataj de la komunumo aŭ ŝtato; la dua principo postulas aliflanke ke tiuj ĉi industriaj funkcioj devu daŭri sub la direktado de individuoj aŭ grupoj privataj.

Kompreneble tiuj ĉi ekstremaj vidpunktoj rilate al la posedo kaj kontrolado de industrio stariĝas seriozan demandon. La Unismo estas la respondo. Por kontraŭbatali la mondan malordon kaj malsaton, kaj samtempe enkonduki la novan staton estas proponata la jena kompromiso:

**Unismo: la individuo devas produkti — la komunumo devas distribui.**

Tiu ĉi plano signifas; —

a) Ke ĉiuspecaj produktantaj industrioj devas esti organizataj kaj disvolvigataj per privata mono-kapitalo kaj per laboraj energioj kaj kapableco direkcia.

b) Ke ĉiuspecaj funkcioj de disdonado (pogranda kaj pomalgranda), konservado kaj transportado devas esti komunume kontrolataj kaj organizataj por fine fariĝi servada sistemo je dispono de ĉiuj produktantoj kaj konsumantoj.

Ne tuje necese estas komunume organizi la tutan distribuadan maŝinaron, sed nure paŝo post paŝo kiel ebliĝas la sperto. Je komenco oni povas manipuli la ĉiutagajn necesaĵojn de nutraĵoj kaj de vestaĵoj, farante uzon de la jam starigitaj magazenoj per kiuj la kunhelpaj societoj distribuadas, kaj ankaŭ alprenante la rektajn metodojn de distribuado de Sinjoro Hoover en Belgio kaj alie.

Por la efektiva plenumado de tia rekonstruado — kiu estas kiel ponto super industria abismo — estas devige aliformigi la maŝinaron de parlamento kaj de registaro. Ĉiu lando devas starigi veran reprezentadan regadon por anstataŭigi tiujn sistemojn kiuj oftege ebligas maljustan reprezentadon kaj povon al diversaj politikaj partioj. Kie ajn la metodo ankoraŭ ne estas uzata je voĉdonaj elektadoj oni devas alpreni la sistemon de proporcia reprezentado per kiu ĉiu parlamento povos vere fariĝi reflektilo de la diversaj opinioj inter la popoloj.

Estas dirite ke „la vero ne vestiĝas en robo de partio". Konsekvence oni ne devas plu toleri ian partian sistemon de registaro, kiu por la rekonstruado nepre bezonos individuojn el ĉiuj grupoj politikaj. Tiamaniere ĉiu persono aŭ rekte aŭ nerekte fariĝos responda pri la regado de sia nacio. La administracio devas enhavi nur spertulojn elektitajn de la tuta parlamento kaj al ĝi respondajn same kiel en Svisio, kie tiauloj okupas sin pri la diversaj fakoj de la ŝtato kontrolataj.

Do, interkonsento pri la kontrolado de industrio dum tempospaco, kaj pri nepartia registaro, evitos danĝeran malordigadon aŭ eĉ sangan revolucion. Cetere estos plifaciligitaj plua priparolado kaj la alprenado de multaj dezirindaj reformoj tiaj kiaj la kompleta utiligado de la terlando kaj de ĉiuj naturaj vivrimedoj; libera interŝanĝado de komerco; edukada plibonigado; urbo-planado; financa rekonstruado k. t. p.

Nacia unuigo laŭ la unisma metodo pligrandigos internaciajn bondezirojn kaj rapidigos tiun ĝeneralan pacon por kiu la esperantistaro deĵoras.

Fine la laboro mem de tia rekonstruado, same kiel la verko de la mondlingvanoj, kreskigos la spiriton de kunhelpado, kiu ĝiavice estas la vera fundamento de libereco.

Tiuj kiuj volas ricevi senpage broŝurojn pri la nova politiko de Unismo skribu al:

Sro *Colin Unwin*, Box 47, Fremantle.
Western Australia. (Okcidenta Aŭstralio.)

---



---















PRESEJO »POLITIKA«, PRAHA, ĈEĤOSLOVAKIO.